# Literatura Mondo

Dua jaro No 9 (13) Oktobro 1923

*Nia Kunlaborantaro: Louise Briggs (Armley), I. Grau Casas (Barcelona), Hilda Dresen (Tallin), Dro Aleksandro Giesswein (Budapest), Nikolao Hohlov (Zagreb), Ivan H. Krestanoff (Dresden), A. Mazzolini (Firenze), Jan Van Schoor (Antwerpen), Paul Medem (Kaunas), Tiberio Morariu (Bucuresti), Paul Nylén (Stockholm), Emma Osmond (London), Petro Stojan (Kisinau), M. Solovjev (Skoplje), Dro. Leono Zamenhof (Varsovio), Julio Werner*



*Responda Redaktoro: Dro Teodoro Schwartz Redakta Komitato: Julio Baghy, Dro Kolomano de Kalocsay, Paŭlo de Lengyel, Paŭlo Balkányi ☆ Redaktejo kaj administrejo: Budapest VI, Andrássy út 81*

# LITERATURA MONDO

estas

**EFEKTIVA KULTURFAKTORO DE NIA MOVADO**

kaj samtempe ĝi estas

via

plej bona **INSTRUANTO** kaj plej efika **PROPAGANDILO**

Ĉiuj konscias, ke nia revuo estas pruvo kaj garantio pri interna forto, pri riĉo de l' Esperanta spirito, ke ĝi **devas** vivi, sed **por konservi kaj certigi ĝian vivon, por plene disvolvi ĝian programon, por esti inda reprezentanto de nia**

**„INTERNACIA LITERATURO“**

ni bezonas vian tujan reabonon, vian propagandon en la intereso de la revuo. Al tiuj, kies abono ne alvenos ĝis fino de novembro, ni ne povos sendi plu la revuon. Ne prokrastu la reabonon!

Se la abonprezo estas por vi tro alta, klopodu abonigi ĝin per la grupo, al kiu vi apartenas. *Se ĉiu Esperantista grupo abonus la revuon, ĝi povus aperi baldaŭ pli amplekse, pli lukse, pli enhavoriĉe.* De vi dependas, ke la sola literatura organo de Esperanto baldaŭ okupu inde sian lokon inter la plej serioze konsiderindaj nacilingvaj revuoj.

**ABONU! ABONIGU! LEGU! PROPAGANDU!**

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO“ PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo“, VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i, P. Oamm 33. Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Rig-
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—1., Kristianio.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucurest. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Steloa Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

# MALJUNIĜANTA AMATINO

ANTONIN SOVA



stis en iu el tiuj postgotikaj palacoj sur la dekstra bordo de *Canale Grande*. Eble Pietro Lombardo ekprovis per ĝi renesancon? Ĝi estis tute nigreblanka, kvazaŭ korodita. En la vico de siaj najbaroj ĝi ŝajnis iom malgaja. Apud ĝi staris konstruaĵoj pli luksaj, aerplenaj, kun rustikaj kolonaroj, kun nigriĝintaj marmoroj, kelkaj kun grandegaj ŝtuparejoj laŭ venecie gotika stilo. Aliaj petis pri pli granda atento. Filigranaj, troplenigitaj per ĉiaj gotikaĵoj, malpezaj kiel la itala muziko, hele ŝaŭmaj pro la beletaj arkoj, ornamaĵoj, floraj fantaziaĵoj.

Ili do loĝis en palaco de veneciaj aristokratoj. Komence estis belega mem la penso, ke oni loĝas en palaco aristokrata. En ruinoj de lukso, de finbrulintaj pasioj. Oni povis tie loĝi ne nur belege sed ankaŭ malmultekoste.

Eble palaco de iu el la „dek", el la epoko de l' respubliko? — li pensis. Ĝi dezertiĝis kiel la aliaj. Ĉie magazenoj de la dudeka jarcento, domoj de amvendo. Rifuĝejoj de la internaciaj kokotoj — li pensis antaŭ ĉio, ekscitite de io malbona.

Sur la kanapo kuŝis juna sinjorino ripozante, kaj apud ŝia kapo sidis li, sen vortoj. Li estis juna kaj meditanta. Per la manoj li ĉirkaŭprenis sian genuon kaj rigardis kun maldolĉa enuo la arabeskojn sur la planko.

La obstina silentado de ili ambaŭ pligrandiĝis pro la silento de l' ĉambro. Morta laco ekkuŝis ĉi tiun ĉambron, kiun la geamantoj luis en fremdlando por kelkaj somersemajnoj. Tie la lumoj kaj mallumoj ŝajnis veni el fremda dolĉa medio. La ampleksa, silenta, disfalanta palaco ŝajnis paroli pri viv-epizodoj de veneciaj sinjorinoj el la dekkvina, kaj deksesa jarcentoj, el la epoko de l' renesanco . . .

En la posttagmeza langvoro malgranda placeto silentis malsupre, proksime, ie malantaŭ la *Riva Schiavoni*, kie putris legoma foliaro en la aŭgusta varmego.

Neaŭdeble kaj silente trenis sin vaporŝipetoj kaj nenio logis elrigardi aŭ eliri. En la delikataj retoj de l' fenestraj kurtenoj kaptiĝadis insektoj kaj faladis neaŭdeble, kun blankaj flugiloj, sur la atikon.

La sinjorino kuŝis kun fermitaj okuloj, kvazaŭ ŝi dormus. Ŝi ne havis jam gracion gaje kaj facile amantan. La trajtoj ŝajnis plenaj de venanta timo pri la perditaj tagoj pasintaj kaj de necerteco pri la estontaj. La gajeco de la helblonda kapo kontrastis kun agla, severa nazo. Ŝiaj lipoj havis la maldolĉan esprimon de ofte ripetiĝantaj trompiĝoj kaj de la pezo de l' lastaj tagoj. En la vizaĝo estis kvazaŭ maljuniĝinta batvenkita obstino; kaj kvazaŭ ĝi silentus kaj silentus, longe kaj elokvente silentus por ne veki kompaton ĉe tiu, kiu nerimarkate ĉesis ami.



Albert Besnard: Alĝiraj virinoj

Liaj lipoj eĉ vorton ne eldiris pri tio. Sed multe pli delikata organo ol la aŭdilo perceptis la ankoraŭ neelparolitan grimacon de lia rifuzo. Liaj manoj, lipoj kaj vortoj ne havis la malavarecon de l' estinta ardeco.

La silento fariĝis pli obstina. Li satiĝis per ŝiaj kisoj, ia doloro inter ili elsangis, la lasta pasio inter ili estingiĝis. Al la tuta ĝardeno de ĝojo, tra kiu ili ĵus estis irantaj, jen estis la fino. Antaŭ malfermita pordo ili estis disirontaj.

Ili premis al si manojn, nehavante kuraĝon riproĉi al si. Nenio restis liganta kio ilin ligis. La sensoj ilin kunigis kaj disigis. Ili renkontis sin iam en mallarĝa kaj malgaja strato de la patrujo kaj komencis disbati siajn malliber-

ejojn tiel, ke ili, malsaĝuloj, instruis al ĉiu ĝia ŝtono, ĉirkaŭigi sin per la evangelioj de libereco kaj libera amo, kiuj kreskis el la koro, kiel verdaj hederoj, ĉirkaŭ ĉio, kio supreniras al la nuboj kaj malaperas en la nevideblo.

Kiomfoje jam la malseketaj ŝtonoj kovriĝis per verdaĵo, per la mira, sopira verdaĵo? Kaj kiomfoje ili staris ree nudaj kaj malseketaj?

Sed li estis malkvieta, ŝanĝema kaj ventega spirito. Li sekvis ion, dezirante. Firme li sciis ĉirkaŭpreni, elsuĉi, kaj nun li subite ekkonsciis, ke *mortinta amo metas sin sur lian vojon*. Li estis revulo, kiu aŭskultis grandajn kaj dolĉajn plaĉojn. Lia ĝojo ofte forfalis kiel matura vinbero kaj forruliĝis en angulon de l' mondo, pri kiu neniu sciis. Serĉema vaganto li estis, kiu rekte sin levis kontraŭ ĉiu situacio, penetris en la intimajn kutimojn de fremdaj homoj kaj folkloro, konformiĝis al ĉio kaj kunvivis la vegetan vivon de izolitaj fiŝistoj, ĉasistoj kaj sensignifaj homoj, de homoj en malgrandaj fremdaj vilaĝoj kaj urboj. Ŝajnis, ke en li poeto sciis interparoli kun la mistero de l' solaĵoj kaj maroj. Fratiĝi kun la mallaŭto de l' solaĵoj, kun la multformaj ŝanĝoj de la malĝoja kaj pezanima beleco de l' mallumaj abiaj arbaroj, ne skribante tamen eĉ linieton pri tio. Ĉar tion, kion li travivis, oni eĉ ne povis bone esprimi per vortoj. Tio estis halucinacioj de novaj sentoj, de novaj intimaj rilatoj, por kiuj li ne sciis novajn formojn kaj novajn vortojn. Parolo surda ĝi estis kaj fremda.

La kaŝita en ĝi artisto kaj poeto neniam montris sin, malvivigite pro la distriĝemo de la riĉa maldiligentulo. Li vagis kvazaŭ intence kaj montris sin kvazaŭ kaŝanta tombo, kiu fermis en sin tiom da belaj kaj mortaj relikvoj, sed neniam ilin eldonus, eĉ se ĝi perforte estus malfermita. Ĉar se hazarde estus malfermita la kovrilo de l' tombo kaj penetrus tien aero, putrus subite ĉio, kio vokis al izoliĝo, disfalus kiel falinta foliaro. Li similis laŭ la karaktero ian vageman kaj trosenteman Shelley, sed sen lia grandega talento diri ĉion kiel ia Prometeo. Li similis lin eĉ pro la abomeno al la amo kaj pro sia ofta malapero.

La knabino do jam sciis, kio ŝin atendas. Ankoraŭ hieraŭ ŝi esperis, ke li devas ŝin ami freneze kaj tiel tute, kiel trovinto de nova tero. Hieraŭ ankoraŭ brilis al ili la mallume blua vespero super *Giuddezza*. Kaj ilia gondolo malvigle sin movis inter la aliaj sur la laguno kaj rebriligis siajn tremantajn lampionajn lumojn, ruĝajn, flavajn, verdajn kaj bluajn. Kiel ĝi tremetis en duba brilo dum kantoj de altaj kaj klaraj voĉoj!

Ankoraŭ hieraŭ ŝi revis aŭskultante ardecon de tiu voĉo: kiaj pasioj estis travivataj tie ĉi, renesancaj, fortaj pasioj! Kiaj kruelaj malfideloj kun terura fino de venĝo de la fieraj, egoistaj, voluptaj grafoj, nobeloj, doĝoj?

— Ĉu vi veturos jam hodiaŭ? — ŝi demandis la postan tagon per voĉo iom ekscitita. Kaj ambaŭ malgrandajn manojn ŝi metis malzorge sub sian kapon ŝajnigante kvieton kaj senintereson.

— Mi veturos. Baldaŭ mi veturos. Malsupren. Vi scias.

— Kien?

— En Sicilion, enlandon. Kaj poste al la maro.

— Nu, kaj per tio finiĝos ĉio? — ŝi interrompis la paŭzon.

— Ĉio. Mi denove suferas je la malnova malsano. *Volonte mi perdiĝus al la homoj kaj al mi mem*. Vi komprenas, kio estos: vivi foje denove sola kun absolute nekonataj homoj? Kuŝi sola kaj sola en ligna budo sur kruda pelto? Rigardi tajdon en solo? Kalkuli la malleviĝantajn ondojn? Miaj vangoj dume bruniĝos. Kaj kreskos barbo ĝis brusto. Tiu eĉ ne estos mi. Tiu estos iu alia, sennoma.

— Jes, iu alia. — ŝi diris, eksilentis, rigardante lian tro junan vizaĝon.

Poste, por ne plori, ŝi ekfajfis, iom ironie, gajan marŝon al sia malĝojo.

Tio lin pikis. — Mi havas efektive jam nenion por doni sole al vi — li diris sangvine. — Kaj mi eble havas nenion por doni al iu ajn. Mi estas egoisto. Kaj vi? Ĉu vi reiros?

— Ne. Hejmen mi ne reiros, — ŝi diris, surprizite pro lia neĝentileco. — Prefere mi estos . . . Cetere mi havas ankoraŭ iun, kiu komprenis antaŭ longe mian kaj vian malsaĝon.

— Li neniam malbenis, kaj li komprenis.

Li ekridetis, kiel ridas tiuj, kiuj estis atentigataj pri iu alia en nekonvena tempo.

— Tiu?

— Li estis simpla. Li estis kredanta, malriĉa je spirito.

— Malriĉa je spirito . . .

— Mi devas ja, finfine, ami tiujn homojn, malriĉajn je spirito, — ekridetis ŝi perforte. Li sentis fortan frapon sur la kesteto de egoistaj relikvoj, kiun li portis en si.

— Nu, ni vidu. Reveni al la neceso. Kiam mi revenos al la neceso? — li mokis kaj liaj ŝercoj sonis kun venĝa volo.

— Mi havis hejmon antaŭ la foriro kun vi.

Li ne diris eĉ unu vorton.

La vespero ekdormadis. Oraj tonoj kunfandiĝis kaj miksis sin kun delikate akvarelkarminaj zonoj sur la firmamento. Ŝi ekstaris Malfermis duonfermitan fenestron. Ĝi krakis pro la rapideco de la movo. Ŝi ekkriis. Ĉar insektaro dancis are malantaŭ la forigita

kurteno. Zorge kurbiĝinte ŝi duonfermis la fenestron, kaj denove ekĝemis pro ekscito.

Fine li foriris.

Ŝi ekkuŝis denove, kun manoj sub la kapo, kaj aŭskultis liajn foriĝantajn paŝojn. Li donis manon al ŝi antaŭ ol li foriris, kiel iam. Sed li foriris pli rapide.

Li estis ekscitita, kvazaŭ li atendus ion senpacience. Ĉiam li estis pli ekscitita, malkvieta, ricevinte novan monsendon. Tiam li ĉiam kombinadis. La mono konstruadis en li novajn planojn. Ĝi instigis lian fantazion al novaj kaj pli neordinaraj vojoj, al rompo de tio, kio estis.

Jen kial li tiel rapide forveturas, kial por ĉiam kaj eble jam morgaŭ.

Ĉu ŝi ne estis jam delonge konvinkiĝinta, ke tiu kara homo vivas nur por si mem ne volante iun longe partoprenigi el sia egoismo.

Estis jam vespero. Kaj ŝi, ne atendante lian revenon, eliris en la varmetan, bluan nokton. Ŝi rapide saltetis de la ŝtupoj. Io ŝin riproĉis en la estinto. Bedaŭro, kvazaŭ en varmetaj sangogutoj, fluis el la koro.



Charles I. Palmié : Silenta vilaĝo

Ŝi vagis, kiel en sonĝo, tra la ĥaoso de l' varmega vespero. Transirante rapide, ŝi lasis sin veturigi trans *traghetto*'j. Poste si haltis apud la nigriĝintaj marmoroj de l' *Ponte Rialto* kaj trankviliĝinte, ŝi staris meditante kelkajn minutojn.

Ŝi legis iam pri belega kaj facila morto.

Ŝi vagis tra la stratoj.

Submetiĝi al la vivo, jes. Ankaŭ sen li, sen tiu homo, vivi. Vivi, prefere vivi.

— Tio povas esti, povas esti — respondadis nigraj makuloj de grupoj, malaperantaj en la areo de la placo. Antaŭ nigriĝintaj marmoroj de *procurazioj* ekbrulis arklampoj. En ilia blanka lumo kunsidiĝis nobeloj kaj burĝoj. Ili trinketis sorbedon kaj iliaj sinjorinoj, lacaj pro tago, per etaj koketaj kuleretoj gustumis glaciaĵon.

Soldatmuziko ludis gajan italan opermelodion. Akre bruis la blovinstrumentoj. Deklamanto prezentis ion antaŭ la kafejoj kun gestoj de elmodiĝinta „galanta" vagabondo, per alta maljunula voĉo.

Multkolora kravato sub alkoholula nazo — jen ĉio. Al ŝi estis ridinda la tragiko de tiu ĉi fuŝita liriko, — jes, ĉio fuŝiĝas iun tagon... Oni demetos la vastan Abruzan ĉapelon kaj restos en ĝi moneroj, moneroj, kelkaj enĵetitaj moneroj. Moneroj de amo?

Ankaŭ estetika almozpeto! Moneroj pro komplezo. Ĉu ankaŭ al la amo estas aljuĝite preni ilin, unu post la alian?

Tiun vesperon, la unuan fojon sen la amanto, ŝi eksidis sur iu seĝo ĉe kafeja tableto kaj trinketis sorbedon. Ŝi estis tiel profunde humiligita, ke ŝi *eksentis deziron al la virina venĝo: sin proponi al iu ajn.* Venĝi, venĝi sin, venĝi sin per propra maniero. Li ja ankaŭ sidis tie, ne malproksime, ĉe iu tablo malantaŭ ĵurnaloj. Ŝi vidis lin, kiel lia kapo intertempe leviĝadis. Kiel lia observema sed ironia rigardo kuŝis sur ŝi.

Ĝi estis li. Ĉu li atendis eble ke li ŝin denove piedbatu, se ŝi reirus al li?

En ŝia ĝis nun humila kaj sindona kapo eksidis demona venĝemo.

Pli volonte vendi sin. Vendi sin al iu ajn. Al nekonatulo, eble eĉ al fremdulo. Ŝi komencis (kaj li tion bone vidis) senhonte allogi per okulludo. Ekkoketis kun nekonataj sinjoroj sidantaj ĉe la apudaj tabletoj. Sentimentaleco malaperis. Interparolo estis komencita eĉ kun ironia, histeria gajeco. Senzorge flirtantaj fremduloj aliĝis. Ili akceptis ŝin ĝentile kaj amuziĝis kun ŝi longe ĝis en la nokto. Estis granda rondvojaĝo tra venecia nokto, tra la drinkejoj kaj dancejoj de la venecia popolaĉo.

Fine ili ebriiĝis per vera *rifosco* ha, ha, ha! Kaj lasis ŝin vekiĝi en ilia hotelo. Hu, mateno, mateno, ha, ha, ha! Bone, ke li vidis ŝin hieraŭ kun tiom da aliaj. Tute bone.

Matene, saturite de terura naŭzo pri si mem kaj pri ili, ŝi adiaŭis la ĝentilajn sinjorojn en tono de la hieraŭa nokto.

Kiam ŝi eliris, ankoraŭ ebrie, ŝi ekdeziris

bani sin en la Lido, forlavi ĉion. La mateno ŝajnis al ŝi tro griza en la angulo de la vaporŝipo. Per nervoza ungo ŝi skribis en la lakon de seĝo: adiaŭ. Ne vidis ŝi hodiaŭ Venecion, ĝiajn akvarelajn kaj klarajn kolorojn, nek la brunon kaj bluon, oron kaj minion, mirinde klaran aperon de la tragika urbo. Ĉu tio estis venĝo? Ho venĝo! Ĉu tio estis la komenco de la morala morto? Ŝi ne pensis pri tio, nur pri io trankviliga.

— *Frutti di mare* — kriis kelnero.

Ĝi estis la hieraŭa frivola intenco el la vaporoj de la ankoraŭ ebria kapo. Kaj voĉoj de nekonataj fremduloj flugis al ŝi kaj glasetoj ektintis. Sin malvestite en la kabino ŝi observis sian korpon. Ŝi eliris al la marbordo kaj malsupreniris malrapide en la akvon. Ŝi tremis, ŝajne pro la matena malvarmeto, kvankam la akvo estis varmeta kiel hieraŭ. Ondoj malrapide kaj laŭtakte transŝaŭmis kaj levadis sian dorson. Ŝi iris ĝis la ŝnurego kiu limis la plenan sendanĝeron. Kaj premante la ŝnuron ŝi ekĝemis. Hodiaŭ estis la plej klara tago en ŝia vivo. La unuan fojon ŝi observis sian maljuniĝadon.

— Do tial, — ŝi diris.

Ŝi observis ankoraŭ unufoje, dum longa tempeto, per akrigita vido la bluajn vejnetojn de siaj manoj.

Kaj konvinkite pri la fino de ĉio kaj pri sia maljuniĝado, ŝi transdonis sin al ondoj mirinde malvarmigantaj.

El la ĉeha: STAN KAMARYT

Antonin Sova (*1854) ŝatata ĉeĥa poeto, kies ĉefsignifo estas en mirinda ĉarmo de vortoj kaj frazoj subtilaj, malpezaj, senmateriaj, pentrantaj ofte simbolisme, ofte realisme la ideojn de moderna Ĉeĥo, estis en sia junaĝo ofte elegia solulo, nune ofte li predikas eĉ kolektivisman kredon. Liaj prozaĵoj, ĝenerale pli realismaj ol la versaĵoj, ne estas tiom gravaj por la ĉeĥa literaturo, sed tamen meritas atenton jen pro stilo, jen pro reformema nacia tendenco. La tradukita rakonto estas el la libro: „Pri flirto, amo kaj trompo" el j. 1912.

---

# SUPER LA KRUTAĴO

## GUSTAW DANIŁOWSKI



ur plata altaĵo, en malgranda interspaco de la malsupre kuŝanta urbeto, estis frukta ĝardeneto sur eta kojno de tero enfermita inter kunfluantaj vojoj kaj zigzaga linio de abrupta krutaĵo. Tiu ĉi krutaĵo iam prezentis apenaŭ senteblan deklivon kovritan per arbusto kaj densa herbo, sed tuj, kiam oni trovis en ĝi bonan grasan argilon kaj utilan ŝtonon, ĝi estis tute detruata.

La nuda deklivo plena de truoj, kavoj, malĝojaj kavernoj, kvazaŭ faŭkoj de elŝeligitaj okuloj, prezentis nun disŝutiĝeman gruzaron de kalkŝtonoj, kiuj kvazaŭ akraj torentoj ŝajnis malsuprenflui al la ŝtonegaj rompaĵoj kuŝantaj sur la fundo. De tiu ĉi flanko la tero malsuprenŝutiĝis malrapide kaj fine elrampis supren la kuntiriĝintaj radikplektaĵoj de la starantaj sur la rando pomarboj kaj la potenca kruco kun lada Kristo, rustiĝinta kaj malblanka, aperis tuj apud la rando de la krutaĵo kaj kliniĝinte etendis super ĝi protektajn brakojn.

Tiu ĉi grundo apartenis al la komunumo kaj tial ĉiu rapidis elprofiti ĝin kaj la fruktoj antaŭtempe deŝiritaj, neniam povis maturiĝi.

En tiu ĉi jaro luis ĝin la unuan fojon la malsaĝa Lejba[1] por kelke da rubloj.

Lejba estis iam ĝardenisto laŭ pli granda skalo, sed poste li tiel malriĉiĝis, ke jam de multaj jaroj li ne nur ne faris iajn ajn negocojn, sed eĉ ĉesis revi pri ili, nutrante sin kiel muŝo per forfalaĵoj el la malriĉaj babloj de la mizera urbeto.

Lia sola kapoto[2], portata de li same dum la ordinaraj tagoj kiel dum sabato, trapasis jam la tutan gamon de koloroj kaj fariĝis senkolora, trasebiĝinta ĉifonaĵo, bone konvena al la terkolora haŭto, flavegriza barbo, ĝiba ŝultro kaj malheliĝintaj okuloj de la mizerulo, kiu faris impreson de kaduka maljunulo, kvankam li estis apenaŭ dekkvinjara. La konstanta sistema memmalsatigado tiel malfortigis lin, ke Lejba ne sentis sin kapabla ne nur por laborado, sed eĉ por ia ajn vigla sento.

Komence li instinkte serĉis nutraĵon, sed sufiĉis al li tragluti ion ajn: pecon da rapo, silikveton da pizo, aŭ kapeton de bulbo por enfali por la resto de l' tago en apatian senpensan rigidstaton, el kiu ne povis lin eligi eĉ la plej potenca promeso de gajno. Pro tiu kaŭzo Lejba akiris opinion de „duonidioto", „iomete malsaĝa judeto". Kaj efektive kun la detruiĝo de lia fizika forto la parto de la naskeakirita inteligenteco atrofiiĝis kaj la mizera resto estis senforta, kvazaŭ endormigita.

La malferteco de Lejba, indiferenta jam por si mem, estis longe granda ĉagreno por lia edzino, kiun li sukcesis provizi en la periodo de sia rilata prospero per granda kvanto da infanoj.

Iom post iom ŝi ankaŭ paciĝis kun la stato de sia edzo kaj lasinte lin al la favoro de la sorto, per fulmerapidaj komercturnoj de la kelkrubla kapitalo, ŝi elkaptadis tiun precize kalkulitan dozon da nutraĵo kaj varmo, kiu, kvankam ne permesas vivi kiel homo, sufiĉas por ne morti.

La infanoj tamen kreskis kun la jaroj, la amplekso de iliaj stomakoj grandiĝis kaj la fonda kapitalo, la sola fonto de la ekzistado estis ĉiam la sama. Por grandigi la enspezojn *Riwka*[3] estis devigita elspezi ĉiam pli sian energion, fariĝante ekstreme trudema kaj persista ĉe ĉiu negoco.

Ĉiu simila komerca transakcio estis de ŝia flanko aro de senesperaj fortostreĉoj. Observante ŝin en tiuj ĉi momentoj oni povis supozi, ke la sekan judinon ekatakis grava histerio. Plej solenaj ĵuroj je „konscienco kaj tuja morto" ŝutiĝis el ŝiaj velkintaj lipoj kun senhalta furiozeco, la manoj, sekaj kiel ligno, svingiĝis

[1] Juda nomo.
[2] Hebrea longa supervesto.
[3] Juda virina nomo.

kvazaŭ en frenezo, la okuloj brulis. Fine, kiam la transakcio estis feliĉe finita, ŝvitkovrite, spiregante, donante la reston de la mono, ŝi humidiĝis la sekiĝintan kaj malsatan buŝon kaj ĝemetante, kvazaŭ tute elĉerpite treniĝis kun la korbo antaŭen por, ĉe la plej proksima okazo, leviĝi denove. Sed ĉio ĉi ne multe helpis. Riwka ekscitiĝis sencele kaj, kiel trudema netolerebla marĉandistino komencis perdi la simpation de siaj klientinoj.

La situacio fariĝis ĉiam pli tragedia, kiam neatendite en Julio, dum la plej granda kunveturo de somerloĝantoj, kvazaŭ el la ĉielo falis multe da mono en la manojn de Lejba.

Lejba trovis monujon, kiun perdis iu turisto rampinta sur la Kastelan-Monton. Ekdemandite, ĉu li ne trovis la perditaĵon, li pro naiveco redonis ĝin senhezite kaj la ĝojigita kaj pro tiu ĉi honesteco mirigita posedanto oferis al li rekompence du kvinrublojn.

La sciigo pri tiu ĉi akcidento fluge disvastiĝis en la urbeto kaj atingis Riwkan en la bazaro. En la unua momento la konsternita marĉandistino preskaŭ faligis pro sveno la korbon kun ovoj. Poste ŝi tute ne volis kredi kaj nur, kiam oni triumfe alkondukis al ŝi la timigitan kaj tute malsaniĝintan edzon, ŝi, kvazaŭ pantere, elŝiris el liaj manoj la akiron kaj ploris pro feliĉo. Parton de la mono ŝi uzis por aĉeti korbon kaj komercaĵojn por la pli aĝa filino, kiu devis priservi la somerloĝantojn malsupre, al si mem ŝi rezervis la montan regionon kaj por Lejba ŝi ekfarmis tiun ĉi ĝardeneton sub la kruco.

Ĝi estis negoco ĉiurilate bonega. El la dekkelko da pomarboj oni povis atendi ĉirkaŭe 20 pudojn[4] da fruktoj, kio, eĉ ĉe plej malgranda prezo, devis doni grandegan profiton.

La somera malsana pirarbo kaj kelkaj etiĝintaj prunarboj devis certigi bonegan vivkondiĉon por Lejba, kiu devis gardi la tutecon de la havaĵo. Unuvorte, unu el la plej malriĉaj familioj de la malriĉiĝinta urbeto elkreskis subite preskaŭ je patricioj, kaj por la kapo de la honorinda gento estis starigita sur du bastonetoj. kvazaŭ ora baldakeno, pajla tegmento por ke li eĉ unu paŝon ne faru ekster la limoj de la luita posedaĵo.

Lejba solene promesis, ĉar li ankaŭ komencis kompreni, kia favora ŝanĝo estiĝis en lia sorto. Iom post iom, sub la influo de la suno, freŝa aero kaj pli bona nutro per varma frukto, kiu kvazaŭ manao ŝutiĝis sub liajn piedojn kun ĉiu ventblovo, li vekiĝis el la apatio kaj ĉiam pli klare komprenis la gravecon de sia posteno. Fine vekiĝis en li la maljuna entreprenema ĝardenisto. La edzino, kiu komence informiĝis pri li sufiĉe ofte, vidante ke Leiba zorgeme amasigas apud la budo eĉ plej malgrandajn fruktojn, ke li kolektas branĉetaron en ligaĵojn, rumeskon en fasketojn, ke li eĉ havas, kaŝitan en pajlo, sur la vojo levitan ŝtipon, ke li kalkulas, kaj eĉ trafe, la supozeblajn enspezojn, ke li komencas entuziasmiĝi por komercaferoj kaj fantazii pri estontaj marĉandoj, ŝi ĝojigite kaj kortuŝite oferis al li malfreŝan bulkon kaj trankvile redonis sin tute al siaj komerckombinoj por elprofiti komplete la sezonon.

Dume Lejba pasigis la tempon plezurege. Dum la tago, sciante, ke mem lia ĉeesto sufiĉas, li etendiĝis sur la herbo kaj dormetis aŭ dronis en revoj. Li sonĝis, ke li farmas tiel grandan ĝardenon, ke la edzino kaj ĉiuj infanoj devas lin helpi... Brulas fajrujo, prunoj estas fumaĵataj sur ligno, kaj sanaj fruktoj kiel oro estas ŝarĝitaj sur boatojn. Ili fluas sur la ondoj de la malsupre brilanta Vistulo ĝis al la ponto de Varsovio ... Amaso da homoj sur la bordo, krioj, marĉandoj, sonorado de mono ... La fajfado de vaporŝipo disŝiris ordinare tiun ĉi volviĝantan rubandon per rememorigo pri la riverboato disbatita de vaporŝipo, kun kiu iris funden lia tuta havaĵo ... Lejba ekskuite vekiĝis kaj postkuris per melankolia rigardo la kamenon malaperantan laŭlonge de la rivero kaj la grizenigran strion de fumo, kvazaŭ ŝipflagon de malfeliĉo, kiu jam forpasis, prenis tributon de doloro kaj certe plu ne revenos. En tiu ĉi malgranda rondo de supozoj, esperoj kaj konsideroj turniĝis liaj pensoj ĝis sunsubiro.

Vespere la timo pri la tuteco de la ĝardeno akrigis lian atenton kaj li fariĝis gardema.

Dum helaj lunaj noktoj li estis certa pri sia havaĵo; sur la lumaj kampoj, sur blankaj brilantaj vojoj li ne esperis vidi rabulon. Sed la noktoj nubaj kaj mallumaj timigis lin treege. Tiam li flarsentis ĉeeston de iu, insidanta kontraŭ lia havaĵo, en ĉiu murmuro de vento inter braĉaro, en tintado de la malfiksiĝinta lado sur la kruco, en balanciĝado de arbustoj alprenantaj strangajn enigmajn formojn kaj tio ĉi sufiĉis lin malkvietigi. Li rondiris sian terkojneton, batis bastone al trunkoj, kraĉotusis laŭte por averti, ke li estas kaj maldormas. Supozante, ke en la apudurbaj ĝardenoj sendube oni ŝtelas en tiu ĉi tempo, li ĝojis, ke lia havaĵo estas en dezerta loko, en granda distanco de homaj loĝejoj. Dum pluvegoj kaj ventegoj li ne timis ŝtelistojn, sed ventoj ĉiam lin malkvietigis. Kunvolviĝinta en sia budo, li subaŭskultis zorge kaj ĉiu bruo de falanta pomo resoniĝis per doloriga eho en lia timoplena koro. Tiu ĉi malforta frapo de falanta frukto estis por li multe pli minaca ol surdiganta krakado de tondroj, krevado kaj zigzago de fulmoj disŝirintaj la ĉielon per tondrobatoj.

Post ventego, sur la malluma horizonto aperadis ofte alte flamantaj brulruĝoj, sed li rigardis ilin kun morta indiferenteco, kvankam li sciis, ke tiu ĉi fajro englutis havaĵon de vilaĝano. En la sfero de liaj homaj sentoj ekster liaj plejproksimuloj la resto de homoj kaj precipe kristanoj prezentiĝis nur kiel aĉetantoj aŭ vendantoj kaj ekster negoco ili tute ne ekzistis por li kaj eĉ, se ili antaŭ liaj okuloj estus malaperintaj sub la teron, li eĉ ne estus ektreminta, ĝis tia grado estis tiu ĉi elemento por li fremda kaj hodiaŭ eĉ iom malamika, ĉar de tiu ĉi flanko sole minacis danĝero al liaj arboj.

*Friedman* lin unufoje trompis, sed li estas ruza kaj riĉa. *Ĥaim*[5] komercas per ŝtelitaj ĉevaloj — li komercu, tio estas ankaŭ negoco, sed por mizera pomo ne faras tian grandan vojon eĉ plej mizera judo, ĉar li havas delikatan sanon kaj prudenton ... Sed malsaĝa kampulo, kio malutilas al tiu, tiu ja estas forta kiel ĉevalo kaj povas la tutan tagon svingi per manoj kaj piedoj kvazaŭ ventmuelilo. Li meditis kaj ekscitiĝis, kiel poste montriĝis — ne vane.

Alvenis malvarmetaj trankvilaj aŭgustaj tagoj tiel lumaj, ke Lejba povis admiri en la ombro de folioj la belkreskon de l' frukt'ĝantaj arboj. Ili estis ankoraŭ verdaj, sed post kelkaj semajnoj oni povis jam ilin deŝiri. Lejba pensis pri tiu tago kun plej granda ĝojo: venos lia edzino kaj la infanoj por ĉion depreni zorge per la manoj. La fruktiĝo estis ne granda, ne pli ol 15—18 da pudoj, sed oni devis esperi altajn prezojn po du rubloj aŭ eĉ pli kaj la ekscitita de ciferoj Lejba komencis fantazii pri la projektoj de belega estonteco,

Dume el la ruinoj de la kastelo malsuprenruliĝis. laŭlonge de la deklivo, io simila al granda griza ŝtono kaj poste rektiĝis, alprenante homan figuron, kaj komencis rampi laŭlonge de la luma intermonta vojo, malfacile spiregante.

Ĝi estis ĉie konata mutulo, unu el la strangaĵoj de la urbo abundanta je diversaj antikvaĵoj. Tiu ĉi stranga individuo pasigis vivon sidan en la kabano de sia frato, kiu forrabis de li lian kampon, kie li sub minaco de pugno plenumis plej maldelikatajn laboron.

Kun printempo komenciĝis por li vivo paŝtista: li pelis brutaron en arbustojn, kunvokante ĝin kaj arig-

[4] Pudo = 40 funtoj.

[5] Juda nomo.

ante per bleko simila al muĝo de bovido. Dum somero tamen li rifuzis la obeon al la familio kaj fariĝis libera vagulo. Tage kaj nokte li vagis ĉirkaŭ la dometoj de l' somerumantoj, kiuj admiris lin kiel veran idon de la naturo, maloftan specimenon de primitiva homo, ne tuŝita de la kulturo; ili volonte enpasadis en mimikan interparolon kun li kaj regalis lin per cigaredoj, kiujn li suĉis pasie. La gajaj servistinoj, al kiuj li faris sentemajn simiajn mienojn, ordonis al li tiri akvon el profundaj putoj, haki lignon kaj porti fruktojn. Dum la noktoj la mutulo elektis por si la plej fruktoriĉajn ĝardenojn. Kaptite dum la ŝtelado de pli grandaj amasoj de Izraelo, li akceptis senproteste la koncernan porcion da batoj kaj la sekvantan tagon rakontis komike al ĉiuj pri siaj aventuroj, ilustrante per gestoj la procedon de batado kaj samtempe ridante per rido idiota, plena je kontento. Se li renkontiĝis kun judo nur duope, li ne timis, sed faris la plej teruran el siaj mienoj kaj kvazaŭ homo el la ŝtona epoko, li eltiris el sub la brako ŝtonpecon per kiu li minacis preskaŭ ĉiam kun bona efiko.

Li ĝenerale ne amis la judojn kaj tute ne pro la batoj ricevitaj de ili, sed tute simple kvazaŭ li estus ensorbinta la miasmojn de la ĉirkaŭanta lin kontraŭhebrea malamikeco. Por difini tiun ĉi rason li posedis kelkajn konstantajn ĝestojn: kalkulado de mono sur manplato kaj la montrado de bildo kun la turmento de Kristo, pri kiu li kulpigis ĉiun judon.

La kripleco de tiu ĉi pario ne estis ŝajne kompleta, ĉar li havis ian imagon pri sonoj kaj estis kapabla eligi el si kelkajn voĉojn. Malgraŭ lia mensa kripleco oni ne povis nomi lin komplete malsaĝa. La mutulo havis ian dozon da sagaceco kaj kapablon de observado speciale en rimarkado de la karakteraj ecoj de l' objektoj, kiujn li bonege imitis mimike. Unuvorte li gajnis ĉe la pli proksima konatiĝo kun li. Sed ĉe la unua rigardo li faris impreson de monstra kreteno dank' al lia abomena plata vizaĝo, kovrita kvazaŭ per porkhararo, malsaĝa rideto ne malaperanta de liaj elvolvitaj lipoj kaj senĉesa spiregado. Tiun ĉi impreson fortigis sendube ankaŭ la vesto, pli ĝuste la manko de vesto, kiu kompletiĝis nur dum somero, dank al somerumantoj, laŭ tre originalaj kombinoj.

Nun la mutulo portis disŝiritajn kalsonojn, ĉifitan ĉemizon, ĉirkaŭzonitan per ŝnureto, malnovan senbutonan surtuton sen unu basko, kiu restis sur dornoj de prunelarbusto, kaj vastan flaviĝintan malmolan ĉapelon portatan de li kun fiero kaj fantazio.

Tiel elegantigite, ricevinte mendojn de la bela sekso, al kies ĉarmoj, nekonfuzite per absoluta manko de sukceso, li estis tre sentema, la mutulo iris kuraĝe al sia ĝardeno.

Lejba profundiĝinte en revojn, ne aŭdis la marŝadon de la nudaj piedoj kaj nur la baraktado de branĉoj, de kiuj la mutulo deŝiris fruktojn kun folioj, ektremigis lin profunde.

Li rigidiĝis, ekkoninte la rabulon, la mutulo ankaŭ ekmiris kaj opiniante lin kamarado de kuna ekspedicio, li montris al li favore alian arbon kaj samtempe ekridetis per la tuta larĝo de sia abomena buŝaĉo.

— Ci ŝtelisto, ci bandito; ĝi estas mia ĝardeno! — forgesante pri lia kripleco, tremis Lejba de kolero — kaj fine rekonsciiĝinte montris al li la bastonon kaj la tegmenteton.

La mutulo komprenis, kuntiris la vizaĝon kvazaŭ buŝegon de buldogo, eltiris el sub la brako akran ŝtonon kaj balancante ĝin en la mano li celis en la kapon de Lejba.

— Bnuh! — ekĝemis li, imitante per la voĉo ekbaton kaj per la tuta figuro movon de mortfalanta korpo, kaj ekridis per ronkanta hiĥado, daŭrigante sian laboron.

Lejba kunvolviĝis pro ĉagreno kaj senpova furiozeco.

— Iru for, iru! li ploregis, skuante la mutulon je la disŝirita maniko ĉiam pli kuraĝe kaj pli forte. La mutulo plenigis la brustan kaj aliajn poŝojn kaj havante jam sufiĉe, komencis gaje tordi la harojn kvazaŭ tempiajn harbuklojn[1] kaj larĝigante la barbon, imitis judon.

Kiam li volis foriri, Lejba konvulsie haltigis lin je basko. La internaĵoj saltis en li pro la ekscito, la muskoloj de lia vizaĝo tremis, la gorĝo sekiĝis. Per la manoj flugantaj kiel en febro, alvokante en ekstrema malespero la kompaton de la fremda Dio, li montris al la mutulo la bildon de Kristo.

La mutulo fariĝis serioza, li krucforme etendis la manojn, trapikis la manplatojn kaj puŝetante per la fingro Lejban en la bruston komprenigis al li, ke li estas farinto de tiu ĉi turmento. Li ekbalancis kolere per la kapo, ekspiregis pro indigno kaj montrinte baskon volvitan en formo de porka orelo, li balbutante foriris. Lejba falis sur la herbon, li sentis sin kvazaŭ dispremita per hufoj de sovaĝa besto. La perdo ne estis granda, sed la malespera penso, ke tio povas ripetiĝi ĉiunokte, dispelis dolortremojn tra ĉiuj nervoj; krevigis la cerbon kaj ŝiris la koron. Lejba manpremadis la kapon, leviĝis kaj iradis inter la arboj, ĵetadis laŭtajn malbenojn, minacis per la pugnoj, faladis sur la herbon kaj ŝiris kvazaŭ per ungegoj la malvarman teron.

La sekvintan tagon, profitante la okazon de pluvo, kiu forpelas ĉiujn de la kampo. li kuris en la vilaĝeton. Riwka'n li ne vidis. Ŝi veturis trans la Vistulon por aĉeti kokidojn. Li aĉetis iom da cigaredoj, paketon da mielkukoj kaj revenis senspire al la sengarde lasita ĝardeneto, kie, kvazaŭ vulpo ĉirkaŭita de hundoj, li kaŝiĝis en la budon por la tuta tago . . .

Antaŭvespere la vetero pliboniĝis. La griza vualo ŝirminta la ĉielon volviĝis en nubojn, kiuj fluante jen malkovris, jen ŝirmis per faldita kurteno la ovalon de la luno, enkadrigitan kvazaŭ ora vitraĵo en bluan kupolon de grandega sanktejo. La vento iris supre, la teron ĉirkaŭvolvis kvieto kaj solena silento.

En la milda disfluo de la melankolia lumo vidiĝis la vaste etenditaj kampospacoj, arĝentiĝintaj diversloke per kombiloj de stoplaroj, la blanka vojo malsuprenfalanta per turnoj kvazaŭ brilanta skarpo, la fantastike breĉitaj muroj de la ruinoj kaj la Vistulo dormigita en malbrila kiraso kun makuloj de flosoj alpremitaj al la bordo, sur kiuj flamis silentaj fajrujoj. De malproksime kiel nekompreneblaj surdigitaj paroloj kortuŝe kaj ame alflugis misteraj bruetoj de balanĉiĝantaj grenoj, timemaj susuroj de folioj sur sopirantaj arboj.

Ravanta estis la lando kvazaŭ belega pentraĵo naskita en revoj, kiuj aperas en sonĝo al la emociita koro dum malĝojaj momentoj de adoro por la nekonata Dio, dum soleca meditado, kiu estas por Li preĝo.

Sed la judo, malbenita por eterne kaj senigita je iu ajn plezuro, oferita viktime al la mizero, tute indiferenta por tiuj ĉi ĉarmoj, flarserĉis nur sian maljustaĵon embuskantan en ĉiu ombro, en ĉiu brueto de la belega nokto.

Kaj tiu ĉi maljustaĵo ja ŝteliris al li malfavorata, malluma, senigita je feliĉo.

Lejba premante konvulsie la bastonon, la buŝon kaj dolore la sentojn. diferencigis jam klare la svingiĝantajn ĉifonojn, kiuj, kvazaŭ flugiloj de vesperto, flirtis ĉirkaŭ la alproksimiĝanta estaĵo.

Ĉe la judo ektremis nerve la elstaranta laringo, la gorĝon vundis akra maldolĉaĵo kaj traigis lin sovaĝa febrotremo; li eliris el sia kaŝejo kaj renkontiĝis kun la atakinto sub la kruco.

En interspaco de kelkaj paŝoj haltis ambaŭ kaj fiksis sin reciproke per enkaviĝintaj okuloj.

— Na! — eksiblis fine Lejba, montrante cigaredon.

La mutulo donacata la unuan fojon de judo, ekmiris komence, sed poste per karesa movo alkuris kun piedoj fleksitaj en la genuoj kaj kapteme akceptis la donacon. Lejba retiriĝinte al la rando de la krutaĵo, subŝovis al li, kovritan de manplato, alumetojn. La mutulo ekbruligis la cigaredon kaj komencis suĉi la fumon.

[1] Galiciaj ortodoksaj hebreoj portas apud oreloj tempiajn harbuklojn.

La nuboj ĉirkaŭvolvis la lunon kaj fariĝis tiel mallume, ke Lejba vidis nur per la brulanta punkteto la elblovitajn lipojn kaj la pinton de nazo de sia malamiko.

Li estis kaptita de ia superstiĉa timo. Li ŝanĝis la intencon kaj komencis klarigi per febraj gestoj ke en la apudurbaj ĝardenoj estas bonegaj fruktoj kaj tie oni devas ilin ŝteli. La mutulo jesis per la kapo, montris per gestoj, kiel li ilin deŝiras, manĝas, ŝmacis volupteme per la buŝo, glatumis sian ventron, konfidis al la judo la sekreton, kiamaniere oni subrampas la palisarojn, rakontis, kiamaniere batas lin la ĝardenistoj kaj kvakis per abomena ridego. Komenciĝis stranga senvoĉa, surda, preskaŭ amika interbabilado.

Ili eksentis sin tiel proksimaj, ke, kiam la mutulo, pleniginte la buŝtubeton per tabako, elkraĉis, leviĝis kaj proksimiĝis al la ĝardeneto kaj Lejba reflekse baris al li la vojon, ambaŭ konsterniĝis momenton kaj rigardis sin reciproke kun malfido, kvazaŭ seniluziiĝite.

La kordoj, antaŭmomente agorditaj harmonie, streĉiĝis reziste kaj pene por eligi dolorigan disonancon.

La mutulo ŝanceliĝante aŭtomate eltiris sian ŝtonon.

Lejba kvazaŭ devige kontraŭvole levis sian bastonon kaj nur dum svingo ekgrincis en li venĝema kolero. Li celis en la kapon, sed per mallerta frapo trafis en la randon de la ĉapelo kaj faligis ĝin en la intermontaĵon.

La mutulo, por kiu la ĉapelo estis plej granda fiero, ekhurlis pro ĉagreno. Li kaptis anbaŭmane la duan finon de la bastono kaj ili komencis barakti sur la rando de la krutaĵo.

Iliaj fortoj estis egale kadukaj kaj etaj. La stango laboris peze, malvigle kvazaŭ premilo en la difektita maŝino laboranta per resto de vaporo. Oni aŭdis la plirapidiĝitan spiregon de la mutulo kaj la siblantan spiron de la enkaviĝinta brusto de la judo.



Arthur Coulin: La violonistino

La unua baraktis forte, senkonscie pro furiozeco; la pli konsiderema, kvankam ankaŭ pro ekscito tremanta Lejba en konvena momento delasis la bastonon.

La mutulo ruliĝis, haltis ĉe la kruco kaj ambaŭ ĵetiĝis kontraŭ si kun nudaj manoj.

Komencis lukti ĝismorte du senfortaj kadukaĵoj, du kriplaj mizeroj.

Momente ŝajnis, ke tie luktas dum nokto, eltirite el tombo, kadavroj, ke interplektiĝas abomenaj stumpoj de putrantaj membroj, ronkas kaj stertoras truhavaj, pusoplenaj pulmoj, balbutas disŝiritaj ĉifonoj de langoj, kraketas putraĵo de ostoj, baraktas ŝimiĝintaj restaĵoj de ĉifonoj.

En la furiozeco de la monstra lukto akriĝis ĉiuj gentaj plendoj reciprokaj, ekmoviĝis la venenita surfundaĵo de multjaraj incitadoj kaj kiel mordanta vermaro instigis la malamon.

La mutulo penis elŝiri la harbuklojn al la „favula judo", Lejba — sufoki ĉiam fremdan por li kaj nun malbonitan „gojon". [1]

Ĉiumomente glitiĝis la unua aŭ la dua kaj kaptante la krucon, regajnadis la ekvilibron. Subite deŝiriĝis sub ili la tero kaj ambaŭ ekpendis, tenante sin je la sava kolono, sed jen, la kruco, elŝancelita dum la lukto, elteriĝis kaj malsuprenfalis per sia tuta pezo. Ruliĝante ili falis, eksonoris ŝtonoj, ekĝemis la tero, ruliĝis du korpoj kaj kuŝiĝis senmove, senformaj kaj grizaj, kiel grandaj ŝtonoj.

La kruco malsuprenŝoviĝis sur la deklivo kun grinca bruo de ŝutiĝanta sablo ĝis fine ĝi haltis apud ia spino, fendiĝis en sia supro kun surda krako kaj ĝia pinto kun bruo falis fundon . . .

La riĉa je malnovaj rememoraĵoj kaj ĉiam pli mizeriĝanta urbeto ricevis novan vidindaĵon.

La strange rompitan krucon super abrupta krutaĵo.

Ree starigita sed jam sen lado de Kristo, kiu perdiĝis ie, kaj sen la supra parto, ĝi aspektis kiel granda dubraka pendigilo.

Rigardante tiujn ĉi disetenditajn nigrajn malbonaŭgurajn trabojn en tiu ĉi dezerta loko, oni ne povis rezisti la impreson, ke ĝi estas ia fatala signo de minaco aŭ averto.

Kaj ĝis la hodiaŭa tago sur tiu ĉi fatala rando, kie la tero deŝoviĝas sub la piedoj kaj la grundon sub ili englutas la abismo, staras soleca iama simbolo de amo disfrakasita je emblemo de ambaŭflanka honto, en kriplula batalo neniiganta la reston de l' vivo de la mizeruloj jam sen tio malfavorataj de la sorto.

Preterpasas ĝin indiferente malatenta trairanto kaj nur aŭtunaj ventoj traflugantaj super tiu ĉi dolora fendo de la tero iafoje ekludas sur la randoj de la elstaranta arbo kortremigan melodion similan al tragedia ĥoralo, en kiu brulas fajrego trasorbigita de fumo kaj nuboj de sango.

La voĉo krias, leviĝas kaj petegas de la Dio koleron kontraŭ krimaj manoj, ne glavon sen kulpo.

La malĝoja ĉielo silentas kaj homoj svenigitaj per bruo de marĉandejoj de vivo ne aŭdas la sonojn de la himno.

Al kiu do kantas la vento? . . .

Kiu divenos?

El la pola
DRO. LEONO ZAMENHOF.

---

[1] En la vulgara lingvo de judoj „goj" signifas kristano.

# ESPERANTA LIRO

## SPLENO

Lujza Sumitz

Formorta sentfluo de laca animo
senforte riproĉas nun min...
Dum ĝia dolora plendĝemo pro timo
ektremas la spleno en sin'...

Turmentaj vizioj de l' menso malluma
la splenon sufokus en pent'...
Kun spiro pezega en lukto mortzuma
barakte stertoras la plend'...

Sed larmoj ne fluas, ne ŝiras doloro,
venkitaj la sentoj en sin'...
La spleno mortvoke triumfas en koro
kaj flustras profete pri l' fin'...

## VEKIĜO

Lujza Sumitz

Pri l' kruela vivdestino
ploras multe kaj sen fino
malespere la knabino.

Dum ŝi plendas pri la sorto,
en korprema sinagordo
jen eksonas eta kordo.

Eta kordo rave sonas...
Al knabin' ŝi sonĝon donas
kaj esperi ŝin admonas.

La knabin' pri sonĝo miras...
Kvankam ŝin la duboj ŝiras,
tamen ŝia kor sopiras.

La sopir' de l' varma koro,
vekiĝinte en la solo,
revojn plektas eĉ sen volo.

Revojn duboj vane ŝiras,
al abismoj ŝin ne tiras,
ĉar la koro jam sopiras.

## FIDO

Lujza Sumitz

Plendo, ploro, ĝem' ĉiama
Iru for de mia koro!
Por mi estas ŝarĝo vana
Porti vin ĝis lasta horo.

Sur ĉielo suna brilo
el post nuboj venke svarmas
kaj vi, koro, pro la milo
da turmentoj tamen larmas?!

Iru, iru for de l' koro
plendo, ploro, ĝemo larma!
Vin forpelas jam konsolo
de l' sincera amo varma.

## FONTO KAJ ŜTONOJ

Eugenia Tkaĉeva

Ŝi amis. El fonto de l' pura animo
Elŝprucis la sentoj riveretsimile,
Spegulis ĝi verdajn salikojn de l' revoj,
Printempaj ridetoj karesis ĝin brile.

Li amis. Kaj venis kaj ĵetis li ŝtonojn
De kisoj, amvortoj, pasio narkota.
Kaj falis la ŝtonoj, kirliĝis la fonto
Sed iĝis, ho iĝis malpura kaj kota.

Ŝtonet' post ŝtoneto... ĝis font' de animo
Pleniĝis per lia senĉesa ŝtonĵeto.
Sekiĝis la klara rivero de l' sentoj,
Sur loko de l' fonto — jam staras tombeto.

## RIBELO

Stanislaw Braun

Vi, de spiritoj enloĝataj landoj,
Kie vi estas?
Post kiuj rokaj de senlimo landoj
Nune vi restas?
Kiu kruela mano de pasemo
De mi vin prenis?...
Ia dolora de la dubo ĝemo
Koron venenis.
Vi, de spiritoj enloĝataj landoj
Kie vi estas?
Super la kapo fantomaj kunfandoj
Nigre majestas,
Sonĝojn funebra sorta anatemo
De mi forĉenis,
Ia dolora de la dubo ĝemo
Koron venenis.

Kio! Mi — reĝo de lando spirita,
Reĝej' senmorta,
Kiun mi kreis per streĉo ekscita
Inspir' diforta,
Tiel profundan abismon jam falis
De duba brulo,
Ke la malforto eĉ sunon vualis
Per la nebulo!
Kio! Mi — reĝo de lando spirita,
Reĝej' senmorta,
Tiel nun falis post flug' ĝiszenita
Ĉe pordo korta,
Mi, kiu diojn iam kunegalis,
Fariĝis nulo,
Ke la malforto eĉ sunon vualis
Per la nebulo?...

Tagiĝaj briloj, krepuskaj brulflamoj
Jam en senlumo,
Okulojn ŝirmas de blindeco skvamoj,
Surdigis zumo,
Idoj de mia fiera imago
En tomb' ripozas...
Sidas mi sola sur la sarkofago,
Lumon almozas.
Tagiĝaj briloj, krepuskaj brulflamoj
Jam en senlumo.
De la inspiro purpuraj ornamoj —
Polvo kaj fumo,
Vojoj al Dio — fulmtondra zigzago...
Kor' furiozas!...
Sidas mi sola sur la sarkofago,
Lumon almozas.

Mi reviviĝos! Ektremos la bazoj
De l' universo!
Mi vin ekskuos per diaj ekstazoj
Ĝis la renverso...
Super la ruboj, brulantaj per flamo,
Super ĥaoso
Leviĝos nova de spirit' ornamo:
Revo — koloso!
Mi reviviĝos! Ektremos la bazoj
De l' universo!
Ĉar jam ekstaras en sunaj topazoj
De viv' inverso,
Kant' super kantoj, amo super amoj
Etern-eposo,
Leviĝas nova de spirit' ornamo:
Revo — koloso!...

## LA NAJTINGALO[1]

I. A. BRATESCU-VOINESTI.

— Kio al vi, oĉjo Iorgu? Ŝajne vi havas ĉagrenon.

— E!

— Sed tamen io okazis al vi?

Jes, okazis al mi malfeliĉo ... Mi eĉ ne scias, kiel ĝin rakonti al vi ... Vi ja scias, ke tra la fundo de mia korto pasas kanalo, la kanalo de la muelejoj. Kiam mi ne havas kion fari, mi fiŝkaptadas per hoko. Tie, maldekstre de la ŝtupoj (ĉar mi faris ŝtuparon por la baniĝo) mi havas profundaĵon, en kiun mi ĵetas ĉiuvespere pecon da mamaligo,[2] aŭ manon da kuirita tritiko: allogilon por la fiŝoj... Kaj kelkfoje, kiam estas taŭga akvo, precipe nune, printempe, bone doniĝas, kaj mi kaptas... ne kiu scias kiajn fiŝegojn, sed finfine: karpetojn, barbiojn... Mi kaptis jam multfoje eĉ pli grandetajn — tiajn, kia estas kutima tranĉilo tabla... Vi ne estas fiŝkaptisto; neniam vi prenis hokon... Domaĝe... Ĉe mi, tie, estas tute bele: ombro densa kaj freŝiga, kaj tiu akvo milde fluanta inter la plorsalikaro... Venu foje, ke vi vidu... Nun mi havas kaptilojn sistemajn, kuntireblajn je bastono;

[1] El la novelaro „Intuneric si Lumina“ (Mallumo kaj Lumo) de Bratescu Voinesti (1868) prezidanto de la Akademio Rumana, la plej granda nuntempa prozisto de la rumanoj. Liajn novelojn kaj skizojn karakterizas profunda psikologia analizo kaj konciza, trafa esprimmaniero, dank' al kiuj ĉiu lia frazo estas kvazaŭ psika momento eternigita dum sia funkcio. Pro tio liaj verkoj fariĝis trezorejo por publiko kaj lernejoj. Liaj ĉefaj, plej popularaj verkoj estas kolektitaj en la novelaroj: „En la mondo de l' vero“, „Noveloj kaj Skizoj“, „En la servo de l' paco“ kaj la supre citita.

[2] Mamaligo = polento, maizaĵo.

sed tie ĉi, en la kanalo, mi ne uzas ilin, ĉar tro longaj estas ili... Mi prenas vergon avelan, surmetas fadenon, plumbon kaj hokon, jen, ĝi pretas; kaj kiam mi foriras de tie, mi survolvas la fadenon sur la vergon kaj metas ĝin en la densaĵon de vimenoj. Al tiuj densejoj kaj salikoj sur la bordo de la kanalo venas najtingaloj kaj kantas la tutan nokton... Tre multfoje, kiam mi trankvile sidas ĉe fiŝkapto, venas la kompatindaj ĝis mi, tute proksimen, ke mi povus ilin kapti per la mano, kvazaŭ ili estus blindaj: ili serĉas ovojn formikajn kaj vermojn... Kio hodiaŭ? Jaŭdo. Antaŭhieraŭ, marde, vespere venis al ni kapitano Delescu kun sia edzino kaj ni kune sidis en la vestiblo por aŭskulti ilin. Kantis ne unu, sed kantis dek, dekkvin; sonis la tuta arbaro... Kaj ĉar estis luna lumo, kvazaŭ taga, kaj odoris la siringoj... ni pasigis vesperon... demandu lin... Sed precipe unu, ĝuste en mia ĝardeno, en plorsaliko, kantis... Sinjor', Disinjoro!... Kaj kiom da fojoj ĝi komencis, faris en nova maniero. Eĉ, Viktorinjo, la edzino de la kapitano, prenis skribilon por noti en vortoj ĉiujn specojn de la sonoj, kiujn ĝi eligis. Foje ĝi faris: fi, fi, fi, tiha! tiha! tiha! kiau! kiau! kiau! klings!... kaj kiam ĝi finis per kaskado de trilaro, vere, se oni ne iĝis aplaŭdi ĝin, kiel primadonon... Kaj el la dornejo respondis al ĝi aliaj kaj aliaj... Belan vesperon ni pasigis, neniam mi ĝin forgesos. Kaj ni ĉiuj demandis, ĉu estus vere, ke ĉiuj vivaj estaĵoj sur la tero devenas el la sama trunko, kaj ke ili diversiĝis unu de la alia nur pelite de diversaj cirkonstancoj, kiujn ili trapasis, — kiaj cirkonstancoj estis tiuj, kiuj povis igi la najtingalon por atingi tian kantopovon, kaj la krekson ekzemple por hirii, kiel poŝhorloĝo streĉata? Granda mistero! E!... Je la dekdua foriris la gastoj, kaj la edzino de la kapitano, dirinte al ni bonvesperon, ĵetis kison al la plorsaliko, kriante: „Ĝis revido, karuleto, morgaŭ vespere!"

Kaj ili venis ankaŭ ĉi vespere; sed en la saliko ne plu kantis la najtingalo... aŭdeblis en la arbaro, trans la kanalo, tuta aro; sed tie ĉi ne... Ni pensis, ke eble ĝi trovis al si parulinon, kun kiu ĝi formigris en la arbaron; kaj ni penadis rekoni ĝin pri la kanto; sed aŭ ili estis tro malproksime, kaj ni ne povis distingi ĉiujn sonojn, aŭ ne kantis ĉiuj sammaniere; sed afero certa, ke unu sono mankis; ni ne aŭdis eĉ unu kanti: klings! klings! Tiun ĉi ni ne aŭdis kaj vidu pro kio... Hodiaŭ matene, ne havante laboron, mi iras malsupren al la rivereto. Antaŭan tagon mi lasis la kaptilon tie en la densaĵo... Mi ĝin serĉas: nenio. Mi diras: jen ke iu ĝin forŝtelis! Rigardante pli bone, mi ekvidas ĝin pli malproksime, surtere. Mi volas ĝin levi: la fadeno estas devolvita de la stango kaj plektita sur la vimenon. Mi ektiras la fadenon kaj kion mi vidas? Kvazaŭ eĉ nun tio ŝirus mian koron... Mi lasis la vermon sur la hoko de l' kaptilo; kaj la kompatinda najtingalo, serĉante manĝaĵon, englutis la hokon!... Ho la bedaŭrinda! kiom ĝi devis barakti, kiom ĝi devis suferi. Nun ĝi kuŝas morta, kun flugiletoj etenditaj, kaj sur la etaj okuloj, kiel du nigraj perloj, svarmas la formikoj... Je mia honoro! Estas tiaj okazaĵoj absurdaj, kiuj konfuzas la menson, detruas la kredon... Aŭdu vi, morto: kun, la hoko pikita en la gorĝeton, ĝi kiu aŭdigis tiujn sonojn diajn! Aŭdu vi kiel mi rekompencis tiun birdeton senkulpan, pro ke ĝi amuzis nin per sia voĉo! Memorante pri ĝi, venas al mi la freneziĝo; sed sciu, la freneziĝo!... Ah! tiuj nigraj okuletoj, sursvarmitaj de formikoj!...

Kun la permeso de l' aŭtoro el la rumana: TIBERIO MORARIU

---

# EL „OLIVER TWIST"

CHARLES DICKENS



La ĉambro, en kiu manĝis la knaboj, estis granda ŝtona halo, kun bolilo je unu fino, el kiu la direktoro, vestita laŭ tiu celo per antaŭtuko, kaj helpata de unu du virinoj, elkuleris la kaĉon je la manĝhoro. Da tiu festena miksaĵo ĉiu knabo ricevis unu pelvplenon, kaj neniom plu — krom je okazoj de granda publika festo, kiam li ricevis aldone du uncojn kaj kvaronon da pano. La pelvoj neniam bezonis lavadon. La knaboj poluris ilin per la kuleroj ĝis ili brilegis. Fininte tiun agadon, (kiu ne okupis multe da tempo, ĉar la kuleroj estis preskaŭ tiel grandaj kiel la pelvoj) ili sidadis rigardegante la bolilon, per tiel avidaj okuloj, kvazaŭ ili povus elmanĝi la brikojn mem, el kiuj ĝi estis konstruita, dume okupante sin je fervora suĉado al la fingroj, kun la celo kapti iujn vagajn ŝprucaĵojn de kaĉo kiuj eble ĵetiĝis tien. Knaboj kutime havas bonegajn apetitojn. Oliver Twist kaj liaj kunuloj suferis la torturojn de malsatego dum tri monatoj; fine ili fariĝis tiel

manĝavidaj kaj sovaĝaj pro malsato, ke iu knabo, alta laŭ sia aĝo, kaj nekutimiĝinta al tia afero, (ĉar lia patro estis havinta malgrandan restoracion) sugestetis kaŝe al siaj kunuloj, ke se li ne ricevos ĉiutage pluan pelvon da kaĉo, estas timeble ke li iunokte okaze manĝos la knabon kiu kutimas dormi apud li, kaj kiu okaze estis malfortika kaj tre juna. Li havis sovaĝajn, malsatajn okulojn; kaj ili plene kredis al li. Konferenco okazis; oni lotis por decidi tion, kiu almarŝu al la direktoro tiun vesperon post la manĝo, kaj petu pluon; kaj tio allotiĝis al Oliver Twist.

Venis la vespero; la knaboj ĉetabliĝis. La direktoro, en sia kuirista vesto, starigis sin apud la bolilo; liaj senhavaj helpantinoj viciĝis post li; la kaĉo estis disdonita; kaj longa manĝbeno estis dirita super la malgrandaj porcioj. La kaĉo malaperis; la knaboj interflustris, kaj palpebrumis al Oliver, dum liaj apudsidantoj kubutumis lin. Kvankam nur infano, li estis malespera pro malsato, kaj malkonsidera pro mizero. Li leviĝis de la tablo; kaj, alproksimiĝinte al la direktoro, en mano kun, pelvo kaj kulero diris, iom timigate pro sia propra malprudento:

„Se plaĉas al vi, sinjoro, mi deziras plu."

La direktoro estis dika, sana viro; sed li tre paliĝis. Li rigardegis en narkota miro la malgrandan ribelanton dum kelkaj sekundoj, kaj poste premtenis por subteno la bolilon. La helpantinoj estis paralizitaj de miro, la knaboj de timo.

„Kion?" fine diris la direktoro, per malforta voĉo.

„Se plaĉas al vi, sinjoro", respondis Oliver, „mi deziras plu".

La direktoro celis frapon al la kapo de Oliver per la kulerego; brakligis lin, kaj laŭte kriis por alvoki la pedelon.

La administrantaro estis sidanta en solena diskutado kiam S-ro Bumble, forte ekscitita, kuregis en la ĉambron, kaj, alparolante la sinjoron en la alta seĝo, diris:

„S.ro Limbkins, pardonu al mi, sinjoro, Oliver Twist petis plu!" Estis ĝenerala eksalto. Konsterno montriĝis sur ĉiu vizaĝo.

„Petis *PLU*!" diris Sro Limbkins. „Trankviligu vin, Bumble, kaj respondu klare al mi. Ĉu estas vere, ke li petis plu, manĝinte la porcion allotitan laŭ la regularo?"

„Li tion faris, sinjoro", respondis Bumble.

„Tiu knabo estos pendigita", diris la sinjoro kun la blanka veŝto. „Mi scias, ke tiu knabo estos pendigita".

Neniu kontraŭdiris la opinion de la profetema sinjoro. Okazis vigla diskutado. Oni ordonis, ke Oliver estu tuj malliberigata; kaj la morgaŭan matenon afiŝo estis fiksita sur la ekstero de la pordego, proponanta rekompencon de kvin funtoj al tiu, kiu senigos la parohon je la respondeco pri Oliver Twist. Alivorte, kvin funtoj kaj Oliver Twist estis proponitaj al iu viro aŭ virino kiu deziras lernanton ĉe ia metio, komerco, aŭ profesio.

En la angla: LOUISE BRIGGS

—

OLIVER TWIST PETAS PLU (Noto de la tradukinto.) En sia verko „Oliver Twist", la fama romanisto Dickens malkaŝis la mizeran staton de la infanoj en la tiamaj ŝtataj institucioj por senhavuloj, kaj kreis profundan senton pri tio tra la tuta Anglujo. Li trafis la celon. Nuntempe la infanoj kiujn la Ŝtato devas prizorgi loĝas en „Apartaj Hejmoj", t. e. ne en la loĝejoj de plenaĝaj senhavuloj. Ili estas bone nutrataj, vestataj, kaj edukataj, kaj havas plenan ŝancon pri sukcesa kariero. Rigardante tiujn infanojn, oni realigas al si la grandegan ŝuldon de la angla popolo al Charles Dickens, kies kuraĝo kaj genio instigis tiun necesan reformon.



Charles J. Palmié: Tagiĝo ĉe bordo de lago

# ĈINA VERSPARO EN ESPERANTAJ POEMOJ

W. KENN

Oni tre ofte trovas en ĉina poemo versparon, en kiu la poeto metis du versojn tute paralelajn, tute ekvilibrajn kiuj korespondas unu la alian je la nombro da vortoj kaj silaboj, je la gramatiko, kaj plie, je la komuna karakteriza speco al kiu la vortoj apartenas. Ekzemple:

Kaj sur mi bruadu ombra kverko.

Por doni al ĝi pariĝon oni simple skribas alian verson sesvortan enhavantan ses silabojn. Ĉar la ĉinaj vortoj estas unusilabaj, tio plifaciligas kaj bone ordigas la aferon. Sed rigardu ke „kaj" estas konjunkcio, „sur" prepozicio, „mi" pronomo, „bruadu" verbo, „ombra" adjektivo kaj „kverko" nomo, la poeto do nepre devas aranĝi la ses vortojn de la pariĝa verso tute en la sama gramatika ordo kian la unua havas, nome: la unua vorto devas esti konjunkcio, la dua prepozicio, la tria pronomo, k. t. p. Kaj plie ĉar „kverko" estas nomo materia kaj ankaŭ nomo de kreskaĵo, oni do devas ĝin ne parigi 1-e, per nomo propra, kiel: Jozefo, Romo, aŭ per nomo abstrakta, kiel: beleco, senco, kaj 2-e, per nomo de aliaj objektoj, kiel spegulo, venteto. La vorto plej taŭga por nia malfeliĉa poeto de certe estas unu el la sekvantaj: rozo, herbo, palmo, pomo, abio, pino, folio, burĝono, k. t. p., k. t. p. Ankaŭ, ĉar „ombra" estas vorto adjektivigita, estas multe pli bone ĝin parigi per „vizaĝa", „sonorila", „vanga", ol per „bela", „blanka", „simpla". Ofte oni uzas vortaron enhavantan aron da vortoj klasifikitajn en grupoj natura, geografia, homa, arta, scienca, religia, konstruaĵa, instrumenta, botanika, zoologia, k. t. p., k. t. p. Tian regulon oni aplikas pli severe al la *nomo*. La prepozicion, la konjunkcion kaj ĉiujn adverbojn — krom la maniera — oni metas en unu sama grupo. Do, oni povas koncepti la formon de ĉina versparo legante la sekvantajn liniojn:

Ŝanĝema nubeto brodaĵo fariĝas,
Serena rivereto ĉenon similas.

Okeidente, kun neĝo' blanka sur la monto
Staras fortikaĵo tri-urba;

Jen sude, trans rivero blua de l'lago
Etendas sin ponto mil-metra.

En la unua momento tio certe teruras la fremdulojn. Sed, ne timu, tio ja ekzistas kelkfoje en Esperantaj poemoj! Mi citu poste. Mi volas unue fari pri ĝi mallongan klarigon. S-ro John Francis Davis, la granda ĉinologo, tion, la ĉinan versparon, dividis en tri klasoj: la sinonima, la antiteza kaj la sinteza. Pri ĝia deveno oni povas diri ke ĝi estas rezultita de la emo de pareco kaj ordo en ĉina tradicio. Laŭ nia legendo subtenas la universon du elementoj, la pozitivo kaj la negativo. Homaj prapatroj estis du, la unu, la viro, la alia, la virino. Tio sekve donis al ĉio tendencon parecan, produktante grandan efikon en ĉio, ĉie, ĉiam, ĉiel. Eĉ dum la edziĝo ĝis nun, la liston de doto oni registras ĉiam en paroj da objektoj: paro da arĝentaj kandelingoj, paro da spegulegoj, k. t. p. Se oni neniel povas enskribi la paron, oni uzas la vorton „tuto": „tuto da tablo marmora", anstataŭ „unu", kiu al ili signifas „sola" kaj nefeliĉa. Jam en nia tre malnova literaturo (antaŭ 1.000 a. J. K.) ekzistas paro kaj ripeto de frazoj, en kies evolucio elkreskis poste la hodiaŭa versparo. Ni trovas similecon tian ankaŭ en la literaturoj hebrea, greka, kaj Esperanta:

Kaj Dio diris, „Estu lumo", . . . Kaj Dio vidis la lumon. . . . Kaj Dio diris, „Estu firmamento", . . . Kaj Dio faris la firmamenton . . . *(Malnova Testamento.)*

Al Abraham naskiĝis Izaak; kaj al Izaak naskiĝis Jakob; kaj al Jakob naskiĝis Jehuda kaj liaj fratoj; kaj al Jehuda naskiĝis Farez kaj Zapa de Tamar; kaj al Farez naskiĝis Hesron; kaj al Hesron naskiĝis Aram. *(Nova Testamento.)*

Milda respondo kvietigas koleron, sed malmola vorto ekscitas koleron. *(La Sentencoj de Salomono.)*

Kiom da tempo kaj laboroj estas perdataj por la ellernado de fremdaj lingvoj, . . . Kiom da tempo, laboroj kaj materialaj rimedoj estas perdataj por tio . . .

*(Zamenhof. „El la unua libro de la lingvo Esperanto".)*

La versparo efektive havas sian devenon en tiaj ripetitaj frazoj en la malnova literaturo, kiu fariĝis la trunko, kun aspekto granda, simpla, majesta, dum la literaturo pliposta fariĝas la floro, bela, ĉarma, harmonia — oni tion ekvidas ĉe la versparo. Pro la efiko de la tradicia tendenco pareca, sub la regulo de evoluado literatura, la versparo estas kreskinta kaj tenas sian lokon alte en la ĉina poezio same kiel en la prozo — tian aferon la europanoj eble ridetas. Sed rimarku, ke en Esperantaj poemoj ĝi ankaŭ okazas kaj nun mi citu:

Malgranda ŝipeto
Kun blanka veleto . . .

Sed venis ventego,
Fariĝis ondego —

Kaj homo mizera
Kun kredo sincera . . .

Kuŝas somero la varma
Sur via rozeta vangeto,
Kuŝas la vintro malvarma
En via malgranda koreto.

*(Heine — F. de Kanaloŝŝy-Lefler.)*

Tio ja estas bona ekzemplo de bela Esperanta versparo. Ĝi eĉ ekzistis en malnova tempo — sin trovas en la Fundamenta Krestomatio. Ankoraŭ estas kelkaj aliaj, la nomojn de iliaj aŭtoroj, tre bedaŭrinde, mi ne povas citi.

Li ridegas je la nuboj,
Li ploregas pro la ĝojo.
L' animo estas rompita.
La ĝojo mortis trompita.

Regno konata
Al progresuloj!
Tero benata
De l' pacienculoj!

Ankoraŭ estas multaj kiuj, kvankam ne similas la antaŭ-cititajn, tamen estas bele paraj:

De lingvo, por la lipo,
De amo, por la koro!

Jen, mi vivas por Maruŝka,
Jen, mi mortos por Maruŝka.
Joska, kial por mi vivi?
Joska, kial por mi morti?

Sed neniam mi trovas paron pli belan kaj pli bone elpensitan ol la jenan:

La vestojn ŝiras frosta vent',
La korojn tordas larma sent' *(J. Baghy.)*

Mi devas pretendi ke la poeto metis kun bona intenco sian duverson en ĉarma, bela, harmonia paralelo kaj ke li havas ĝuste la saman penson kiel la ĉinaj poetoj, ne parolante pri tio ĉu li konas la ĉinan lingvon. Li tute ne skribis tion senintence. Ankoraŭ estas alia poeto, kiu posedas la saman talenton kaj kiu skribas tre ofte versparojn vere ĉinajn. Mi permesu al mi citi ilin:

Blovas ventet' de vespero
Plaŭdas ondet' de rivero.

Super lag' nebul' volviĝas,
Rampas kiel fum'
Super akvo arb' kliniĝas
Brilas pala lum'.

Sun' leviĝis — jen ridetas,
Park' vekiĝis kaj ripetas.

Ĉiam kaj ĉie mi trovas ĉarman kaj bele verkitan versparon en la nuntempa Esperanta poezio. multe pli facile ĝin trovi nuntempe ol en la epoko zamenhofa kaj mi, laŭ vidpunkto de orientano, rimarkas ke la Esperanta literaturo jam estas enirinta novan epokon, epokon multe pli florantan, kun karaktero kaj gusto alia, malsimila al la antaŭa, ĉar, se mi tre zorge kaj atente ĝin ekzamenas kaj analizas, mi povas pretendi ke la epoko hodiaŭa tute similas nian epokon de la „Ses Dinastioj" (200 p. J. K.) en kiu naskiĝis kaj iom post iom floris la versparo, dume, la epokon zamenhofan mi povas kompari kun nia unua literatura epoko (1.000 a. J. K.) kiu posedis karakteron grandan, simplan kaj majestan. Kaj nun venas mi al du konkludoj:

1-e, ke la Esperanta literaturo en sia evoluado havas ĝuste la saman tendencon kaj direkton kiel la literaturo ĉina, kies belecon, historion kaj lingvan valoron neniu povas ignori.

2-e, ke la Esperanta literaturo posedas veran universalecon kaj internaciecon, en kiu ekzistas eĉ la ĉina versparo, bela, harmonia, ordema sed nekonata al multaj landoj.

---

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 5)

V. ĈAPITRO.

## La unuaj malhelpoj.

Tiu ĉi ĉapitro montras, ke la antaŭenirado, kiel ĝenerale en la vivo, tre malrapide okazas.

La eksterordinara vagonaro haltis. Jen la ekirpunkto de nia vojaĝo! Ni desaltis kaj rapide elmetis nian havaĵon. Paralele kun la fervojo estis unu rivereto, nome: Ĉornoj Urjum. Laŭ la programo ni devis transiri ĝin. Sur la landkarto ĝi estis desegnita, kiel eta rivero, kies transiron nenio malhelpas. Tiom pli da malhelpoj ekzistis reale. Ni intencis tuj antaŭeniri kaj fari kelkajn verstojn, sed apenaŭ ni marŝis kelkajn centojn da paŝoj, ni trovis anstataŭ rivereto: ŝaŭmantan, bruegan, potencan riveregon.

„Neniam ni transiros ĉi tiun monstron!" kriis longegulo, al kiu ni donis la epiteton „grandbuŝulo", kiun titolon li vere meritis poste. Ni ĉiuj konvinkiĝis, ke engluti ni ne povas la riveron, ponto ne ekzistas. Ne restis io alia, ol konstrui tendon. Apud la fervojo ĉe lageto ni starigis ĝin. Ni havis mal-

grandan, akvofirman tendon, en kiu dek personoj povis retiriĝi. Pluvis bele, egalmezure, konstante. Ni estis jam tiel malsekiĝintaj, ke ni sentis la korpon saliva, mucida, malseka spongo.

Kontraŭ la malsekeco fine Dolfi havis bonan ideon.

„Senŝeligu la arbojn kaj la ŝelo servos kiel kontraŭakva kovrilo."

Ni komencis. Komence iomete mallerte ni laboris, sed poste per akrigitaj lignopecetoj la laboro prosperis. La basto faris bonan servon,ni estis defenditaj kontraŭ la senĉesa pluvo, sed nia humoro estis kiel antaŭe: maldolĉa, nebula. La senŝeligitaj nudaj arboj aspektis, kvazaŭ misteraj grandaj kandeloj. Ili estis la solaj atestantoj de nia malbenita situacio.

Kion fari? kio helpos? Kelkaj centoj da paŝoj kaj grandega monta rivero terure bruante baras la vojon. Kiamaniere atingi la alian bordon? Respondon neniu povis doni. Pro konsiloj ni vizitis ankaŭ la fervojlaboristojn troveblajn en la ĉirkaŭaĵo. Ili diris nur tion, kion ni jam delonge sciis. Ponto ne ekzistas. Unu ponto ja estas, sed 150 vestojn malproksime, suddirekte. La rivero estas nur pro eksterordinaraj pluvegoj tiel granda, sen tio ĝi estas ordinare trairebla eĉ por infanoj. Mil- kaj milfoje ni demandis: „Kiamaniere ni povus veni la transan bordon?" „Se la akvo pli malaltiĝos" — oni respondis.

„Kaj se monatlonge pluvos?" „Oni devas monatlonge atendi" — estis la apatia respondo.

„Kontraŭ la dioj vane oni batalas!" diris Goethe. La verecon de tiu ĉi sentenco ni sentis, kiam ni vidis, ke pluvas, pluvas, seninterrompe pluvas. La plimulto estis tre nervema kaj kelkaj volis provi la transiron spite al ĉiuj malhelpoj, aliaj de ia savanta propono, aŭ de la veterŝanĝo esperis la solvon. Malfeliĉe, kvankam jam estis monato Junio, la rivero estis tiel malvarma, ke oni ne povis eĉ dum sekundoj teni la manojn en ĝi. Pri longdaŭra laboro en akvo eĉ paroli estis vane.

Atendi — estis la sola kaj plej komforta solvo.

La sekvinta tagiĝo donis novan malagrablaĵon. Krioj, ekscititaj rimarkoj rompis la silenton. La deĵoranto tremante rakontis, ke du kadavroj kuŝas sur la fervojreloj. Du ĉevalojn nokte transiris la vagonaro. Kiu spertis, ke en tia distrikto kiel grandvalora trezoro, amiko kaj kunhelpanto estas la ĉevalo, nur tiu komprenos la malfeliĉon, kiu trafis nin. Se ne du ĉevaloj, sed kvar homoj estus mortintaj, ni ne estus tiel konsternitaj. Kio kaŭzis la malfeliĉon? oni povis konjekti. Mi jam menciis, ke la plej diversaj homoj kunvenis en la ekironta societo. Inter ni estis kelkaj urbanoj, kiuj neniam vidis ĉevalon el proksimo. Pri la zorgado de l' ĉevalo ili kompreneble ne havis eĉ ideon. La estinta husaro, kiu organizis la ĉevalaferojn, kiel reĝo eldonis la ordonon: „Ĉiujn ĉevalojn kunligi, piedojn kateni kaj poste lasi ilin, ke ili paŝtiĝu."

La ĉefĉevalmajstro montris, kiamaniere oni devas la ĉevalojn kateni, ke ili ne forkuru. Sed kelkaj el ni ne havis la deziritan sperteco n. Ili, kiel filozofoj, sciis, ke ne estas agrable suprenlevi la ĉevalpiedojn, se oni ne estas asekurita kontraŭ la piedbato de ĉevalo.

Verŝajne la ĉevaloj ne estis pej bone kunligitaj, la ŝnuro defalis kaj la ĉevaloj disvagadis. Du ĉevaloj estis sur la reloj, kiam tre malrapide venis la vagonaro. Proksimiĝanta vagonaro en arbaro, per siaj lumantaj okuloj povas timigi eĉ homojn, tiom pli ĉevalojn, kiuj — laŭ nia scio — unuafoje vidis vagonaron. La tragedio okazis, la sanglageto montris la katastrofon neripareblan. Ni malbenis la sorton, sed helpi ni jam ne povis.

Malgraŭ la pluvego, malgranda societo iris al la rivero por vidi, ĉu ne estas eble elpensi ion saĝan. Per ŝtonĵetado ni provis ekscii la larĝecon de la rivero. La rezultato estis 42 metroj.

Dum la interparolado, agronomo rakontis, ke li servis dum la milito ĉe iu laboristgrupo kaj tiutempe li vidis, kiel rapide oni konstruas ponton. Li klarigis ankaŭ la facilan konstrumanieron. Naĝantan ponton, sen fundamento ni devus fari. La skeleton oni devas kunmeti sur la bordo kaj post la fiksado de unu parto puŝi ĝin en la akvon. Se la skeleto estas pli longa ol la larĝeco de la rivero, la alia finaĵo alkroĉiĝos ĉe la transa bordo kaj la ponto estas preta.

Ni nur duone komprenis la planon, sed li per desegnoj, skizoj, per alumetoj, tiel konvinke klarigis ĉion, ke finfine ankaŭ ni komencis kredi.

Vespere estis granda interkonsilo pri la plano. La humoro estis malbona, la pesimismo venkis ĉiurilate. Tre severajn ordonojn ni eldonis. Ni decidis starigi noktgardantojn, ke ni evitu en estonteco la malagrablajn surprizojn. Pri la pontkonstrua plano la opinioj estis diversaj.

La skeptikuloj diris, ke plej bone estas atendi ĝis la akvo malaltiĝos. „Sed se monatlonge pluvos, ni monatlonge atendos? — demandis kelkaj. La plimulto decidis komenci la laboron.

„Sed ĉiu laboru!" kriis grandbuŝulo. „Ni deklaru la ĝeneralan labordevon!" aldonis aliaj.

Nur Sepi-n kaj Dolfi-n oni absolvis de la laboro. Ili ricevis la kuiristan oficon.

Noktmeze post la dekdua horo estis mia devo

gardi la tendaron. Mi havis tempon por pripensado. Ĉu iam mi kuŝos sur kusenoj? mi demandis min . . .

La tendarfajro apenaŭ brulis kaj volis pro la malseko estingiĝi, kiel — mia espero.

VI ĈAPITRO.

## La transiro.

Vi legos ĉi tie la grandajn fortostreĉojn, per kiuj eble montojn oni povus ekmovi.

Matene, je la kvara horo okazis la vekiĝo. Nur la suno estis pli diligenta ol ni, ĉar ĝi pli frue leviĝis. La arboj estis troŝarĝitaj de la akvo. Se oni tuŝis ilin, kvazaŭ pluvego komencis fali de la folioj. La tero estis mola, tiel ĝi plensuĉiĝis per akvo.

La malfacila laboro komenciĝis. La grandan silenton de l' virga „tajga" ni rompis per hakila, segila bruo. Kun granda fervoro ni laboris. Ekzistis inter ni kelkaj, kiuj ĝis nun neniam gustumis la fizikan laboron. Ĉe ili la granda fortvolo kaj ambicio anstataŭis la mankantan lertecon. Ĉe ĉiuj fizikaj laboroj estas grava la spertula uzo de l' instrumentoj, kiu plifaciligas la laboron kaj helpe de kiu per duonforto oni povas atingi duoblan sukceson. Mi devas konfesi, ke kelkaj el ni tute ne konis la principon de la fortekonomio kaj la lertuloj ofte ironie ridetante rigardis, kiamaniere la idealista advokato tenas en siaj manoj la hakilon. Malicaj rimarkoj ankaŭ ne mankis.

La 15 metrojn longajn detranĉitajn arbojn vere per superhoma peno ni sukcesis porti al la bordo. 13—14 personoj portis kelkfoje tian arbon, tamen ni sentis ofte, ke nia ŝultro ne eltenas la ŝarĝon kaj disrompiĝos. Tri longajn trabojn ni kunmetis kaj tio donis la longecon de la ponto.

Ni ofte sentis la mankon de plena teknika ekipado. Ni ne havis sufiĉe grandajn fernajlojn, tial ni laboris per lignaj najloj kaj bariloj. Dumtage 12 hora laboro kaj post tri tagoj ni jam fiere rigardis la rezultaton: la pontskeleto prete kuŝis sur la bordo.

Dum la trolaciganta laboro ni malmulte observis la veteron. Ĝi estis vere freneza. Jen serene blua ĉielo, la suno brilas, jen subite fariĝas pluvego. Kiel grandmonda sinjorino dekfoje vestiĝas dumtage, tiel la kaprica vetero sanĝiĝis dekfoje.

Sed ni apenaŭ okupiĝis pri la veterŝanĝiĝo, ĉar nur la ponto nin interesis. Se nia plano sukcesos . . . Se la ponto estos sufiĉe forta kaj longa: la unuan grandan malhelpon ni venkis. La unua venko alportas la aliajn: ni opiniis.

Grandaj preparoj estis necesaj, kiam ni volis puŝi la ponton en akvon. Ĉiuj estis mobilizitaj. La partizana komandanto mem ĉeestis kaj donis al ni 20 kozakojn, kiel helpantojn. Ni intencis glitigi la skeleton per glataj arboj sur akvon.

La agronomo, kiu faris la planon, donis ordonojn. „Fiksu per ŝtonoj kaj ŝnuroj la antaŭan parton de la ponto!"

„Tenu en viaj manoj tiun ĉi metalfadenon."

„Kial vi ne laboras?"

„Mi laboras, sed la kozakoj faras nenion."

„La ŝnuro ŝiriĝis!"

„Venu tri homoj ĉi tien!"

La ordonoj kaj kontraŭordonoj estis multnombre aŭdeblaj kaj kun granda intereso ni atentis, kiamaniere turnas la akva forto la ponton al la alia bordo Timante, ke la ponto ne estos sufiĉe longa, ankaŭ meze ni retenis ĝin per dikaj metalfadenŝnuroj kaj nur malrapide ni lasis ĝin turniĝi. Laŭ ĝenerala scio la ligno estas pli facila ol la akvo kaj ĝi restas surface de l' akvo. Sed ĉe nia ponto ne tiel okazis, kiel ni lernis en la fizika lernolibro. La ponto faris potencan malhelpon al la antaŭenirantaj akvamasoj kaj mirigite ni rimarkis, ke la mezan parton de l' ponto la akva forto premas sub la akvon Ni vidis nur la antaŭan kaj malantaŭan parton, la



Giovanni Segantini: Naturo

mezo estis 40—60 centimetrojn profunde en la akvo.

Tiu ĉi cirkonstanco malebligis la pluan laboron. Ĉio estis vana. La laboro kaj fortostreĉo ŝajne perdiĝis. Unu eblaĵo estis savi la situacion: per subkonstruaĵoj suprenlevi la mezan parton. Sed la glacie malvarma akvo ne permesis la laboron.

„La malsukceso malofte promenas sole kaj kiu kuŝiĝas kun sinjorino Zorgo, tiu ankaŭ leviĝas kun ŝi.“ diras burjata proverbo. Profunde deprimis nian fizikan kaj moralan forton la malsukceso kaj ni baldaŭ ricevis eĉ novajn sortobatojn.

Kiam la partizana komandanto vidis, ke nia plano malsukcesis, li deklaris, ke li reprenas la donitan mandaton. Li scias, ke ni jam perdis du ĉevalojn, tial li repostulas ankaŭ la donacitajn ĉevalojn. Ĉiu povas iri kien la okuloj vidas, aŭ povas resti kiel laboristo ĉe la partizana armeo.

Interne ni tre ekscitiĝis pri la nova malbono, sed ni devis resti prudentaj kaj provi aliigi la decidon per marĉando. Dum la interparolado klariĝis, ke la afero havas pli profundan kaŭzon. La komandantaro ŝanĝis entute la originalan planon. Pro la japana danĝero ili volas ankaŭ por plenaj armeoj ebligi la praarbaran vojon. Grupo da rusaj ekspertizistoj faros la karton kaj, laŭ ĝi, laboristoj preparos la difinitan vojon. Ni povas resti kiel simplaj laboristoj kaj nia tasko estis fari ireblaj por ĉaro la unuajn 40 verstojn. Post plenumo de tiu tasko ni havas la rajton iri tra la praarbaro.

„Sed sen ĉevalo ni ne povas labori!“

„Kiu portos la nutraĵon?“ — intermetis nia deputito.

„La ĉevaloj mankas ankaŭ al la partizanoj mem. Niaj husaroj batalas sen ĉevaloj“, — respondis la komandanto. Post longa priparolado tamen li lasis ĉe ni dek ĉevalojn.

„Kiu ne estas kontenta pri mia decido, tiu povas reiri.“

Nun ni vidis, kiel enradikiĝis la ideo de la praarbara vojo. Nur kvin personoj decidis reiri.

Ili provis konvinki ankaŭ nin. „Ĥimero estas via plano! Neniam ĝi prosperos, ĝi nur pereigos vin.“ Sed ili vane parolis.

Foje mi vidis amerikan teatraĵon: „Superakvego“ estis la titolo. En tiu ĉi dramo, kiam la espero savi la vivon jam malaperis, la homoj estas afablaj, amindaj, ĝentilaj.

Mi ne spertis, ke la proksimeco de l' morto plibonigas la homon. La memamo regas ĉiam ĉe la plej granda parto. Mi rememoras, kvankam la reirantoj sciis, ke ni ludas kun la morto kaj eta aĵo povas eble savi vivojn, du el ili „forgesis“ redoni kelkajn ilojn kaj nur nia rajdanta patrolo, atinginte ilin, povis ĉion reakiri de ili.

Nia vivo estis plena de okazaĵoj kaj ĉiu momento donis novan surprizon. Kiam ni matene rigardis la riveron, la ponto jam ne ekzistis. Dum la nokto la fluo tiel grandiĝis, ke la tri metalfadenŝnuroj la forto de la akvo disŝiris kaj la ponton kunportis. Kiel ni poste aŭdis, nia ponta konstruaĵo detruis la bonan ponton, kiu ekzistis 150 verstojn sude de ni. Nia granda laboro ne nur ne utilis al ni, sed nur malutilis al aliaj.

La epizodo finiĝis kaj nova laboro komenciĝis, sed nun sub la gvidado de l' rusa majstro. Ni provis konstrui ordinaran ponton. La lignojn oni devis porti de proksima loko. Sed la nova konstruo ankaŭ ne sukcesis, ĉar la rapida fluo ĉiam dronigis la lignojn.

Dumtempe ni ricevis boatojn. Kia ĝojo! Ni komencis fari pontonon. Unufoje ni vere atingis la alian bordon, sed dum la reveno la ondoj superakvis la pontonon kaj nur per granda laboro ni savis la boatojn. Dek tagojn daŭris la tempo de l' provoj. Fine sukceso. Ni fiksis boaton sur metalfadenŝnuro, ligita inter la du bordojn. Sur tiu ĉi boato ni transportis la havaĵon. Ni dispecigis eĉ la ĉarojn por la transportado. La ĉevalojn ni naĝigis.

Malgranda malfeliĉo — ĉefe por gastronomoj — ankaŭ okazis. Nia plej kara bovido saltis el la boato kaj forkuris. *(Daŭrigota)*

---

## INTERVJUO

AL SINJORINO MARIE HANKEL. Mi havis kelkfoje okazon traveturi la saksan ĉefurbon Dresden. Plezure mi pasigis la tempon inter la vidindaĵoj kaj artaĵoj de la belega urbo. Inter la konfuzaj inkubsimilaj okazaĵoj de l' nuntempo estas bone rifuĝi al la relikvoj de l' kulturo kiuj, dolore mi sentis kelkfoje, estas kvazaŭ restaĵoj el perdita ora epoko. La intelekto kreis ilin, sed ĉu ĝi restis ankoraŭ kreanta? Ĉu ne malsaniĝis la intelekto en la tuta mondo, uzante sian tutan potencan forton nur por detruo kaj neniigo? „Revuloj“ fantazias en la mondo pri amo kaj „nova sento“, ĉiam pli malforte, senespere, superbruite kaj mokate. Ĉu iam rekonos la mondo ke ilia balbuta kaj „naiva“ fantaziado entenas la solan eblaĵon por savo kaj kreo, ke nur la amo povas kunigi la intelektojn por konstrui mondon pli belan, pli bonan ol la nuna.

Ĉi tiuj kvazaŭ banalaj kaj eluzitaj kaj tamen jam preskaŭ tute forgesitaj kaj ignorataj pensoj okupis min, kiam mi iris por viziti unu el tiuj „revuloj“ kaj „naivuloj“, Marie Hankel, prezidantinon de la E. L. A. Ŝi devenas el la malnova skolo, unua el la unuaj pioniroj ŝi estas. Ŝi vidis la burĝoniĝon de nia movado, ŝi vidis ĝian ekfloron. En ŝia memoro vivas la heroaj tempoj de Esperanto. Jardekojn de senĉesa laboro ŝi havas post si, kaj ankaŭ nun ŝi laboras kun neromp-ebla energio por la bono de nia literaturo. Bela celo, granda peno, nobla ambicio!

Kiam mi anoncas min, Esperante parolanta ĉambristino kondukas min en la halon. Noblaj sentencoj, en Esperanto verkitaj, ornamas la murojn, teleroj kaj

## NIAJ VERKISTOJ



M. Solovjev

porcelanaĵoj kun Esperantaj dediĉoj ĉarmas la okulon. Mi estas kondukata en la akceptĉambron. Apud tableto en apogseĝo sidas sinjorino Hankel, ŝi akceptas min per „bonvenon samideano". Ne estas novaĵo por ŝi tia vizito. Sed kiam mi diras ke mi „intervjuas" ŝin por la L. M., ŝi surpriziĝas. Ĉu do nia Esperanta ĵurnalistiko jam tiel evoluis ke okazas eĉ intervjuoj — ŝi pensas eble. Kaj senĝene, ne atendante miajn demandojn, ŝi komencas paroli kaj rakontas al mi pri ĉio.

Kaj dum ŝi parolas, mi admire rigardas ĉi tiun okdekjaran sinjorinon, sur kies sulkaj trajtoj ankoraŭ vivas memoro de iama ĉarma beleco. En la ĉambro trikiloj ripozas sur piedbenketo. Granda ŝranko kaŝas en si valoran kolekton de nia literaturo. La skribotablo estas plena de manuskriptoj. Kvankam sinjorino Hankel jam ne multe vidas, ŝi ankoraŭ ĉiam laboras diligente.

Kion rakontas sinjorino Hankel? Ŝi parolas pri la estintaj tempoj belaj, pri la laboro de la Asocio inter la nunaj malfacilaj cirkonstancoj, pri la granda evoluo de nia beletristiko, pri novaj perspektivoj ktp. Ne plaĉas al ŝi senutilaj novaj vortoj, kiuj konfuzas la simplecon de Esperanto, ilin ŝi signas per kondamna krajonstreko. Sed granda ĝojo estas por ŝi la granda nombro de novaj talentaj verkistoj, kiu promesas tiel riĉan rikolton sur la literaturaj kampoj. Literatura Mondo plene akiris ŝian plaĉon. Ĉiuj ĝiaj numeroj kuŝas apud ŝi. Ŝi rigardas ĝin kiel indan sekvanton de la iama Bela Mondo, kiun ŝi redaktis.

Poste ŝi gvidas min tra sia loĝejo kaj montras al mi ĉion. Vera relikvejo de Esperantaĵoj estas tiu loĝejo. La plej brila perlo de la relikvoj estas griza, antikva libreto, bindita en veluron kaj ledon, la unua Esperanta libro, la Fundamento en originalo. Dediĉo estas en ĝi legebla. La aŭtoro, donacinte la libron, estis certa, ke li konfidas ĝin al manoj, kiuj amе konservos ĝin por la venontaj generacioj kaj fidele, per ĉiuj fortoj defendos ĝin kontraŭ „longa sekeco kaj ventoj subitaj".

Arĝenta ĉeno el sepdek steloj pendas sur la antikva skribotablo. Por sia sepdeka naskiĝtago ŝi ricevis. Malnovaj tempoj — ŝi diras. La 2-an de februaro 1924. ŝi estos okdekjara. La Esperantaj literaturistoj tiam certe ne forgesos, kion ili ŝuldas al la Instruistino.

Volonte ŝi permesas, ke mi skribu pri ŝi. Sed la propra persono estas al ŝi indiferenta — antaŭ ĉio interesas ŝin la prospero de la movado kaj de la lingvo. El ŝiaj bonaj okuloj radias al mi senmemama entuziasmo, senlima amo al nia afero.

Kun profundaj emocioj mi adiaŭis ŝin, unu el la unuaj pioniroj, kaj mi kortuŝite eksentis, kiel potence povas vivi sur la fundo de l' koroj tiu, ekstere ankoraŭ malforta, malgrandpova ideo : la Esperantismo.

JOZEFO MAJOR

---

## MONDLITERATURA OBSERVO



DEK JAROJ DE LA MORTO DE ST. O. IOSIF. La rumana popolo en tiu ĉi jaro memoras pri sia granda poeto Iosif, mortinta antaŭ dek jaroj.

St. O. Iosif naskiĝis en 1877. Li lernis en la rumana liceo de Braŝov, kie lia patro estis profesoro dum 30 jaroj. — En 1892 li venis kune kun la familio al Bukureŝti, kie li studis en la universitato kaj akiris diplomon de literaturo kaj filozofio.

Jam kiel studento, li komencis publiki bonajn tradukaĵojn el Heine, Carmen Sylva, Goethe, Petőfi, ktp. kiuj aperis en diversaj revuoj. Poste li donis ankaŭ originalajn pecojn al la *„Vivo"*, revuo de poeto Vlahuta. — En tiuj verkaĵoj li aperis kiel dolĉa kaj talentplena poeto.

Komence, kiam li venis al Bucureŝti, li estis tiel malriĉa, ke krom unu libro, li ne havis alion. — Foje li loĝis ĉe maljunulino ; tiu ĉi vidinte ke eĉ post tri tagoj li ne alportis sian pakaĵon, iun matenon demandis lin : Sinjoro, ĉu vi ne alportos vian pakaĵon?" Li, kun dolora animo, prenis sian libron kaj foriris, ne reveninte plu. Tiu libro estis la „Libro de Kantoj" de Heine.

Poste li estis nomita bibliotekisto, kaj tiel li estis iomete savita de la vivpovaj malfacilaĵoj.

Lia literatura verkaro konzistas el poemoj, sonetoj, popolkantoj, tradukaĵoj el Ibsen (Kometo), el Heine, Petőfi (la Apostolo), Verlaine ; kaj el unu grandvalora verko, ankoraŭ nekonata de la publiko, sed publikota.

En siaj verkoj li aperis klara, malgaja, moderita kaj rezignema. — Li tenis en la mano sian koron, kiel rozon ; venteto trapasis kaj forŝtelis folieton, portante ĝin en malproksimon ; ĉiu venteto disportis ĝiajn folietojn parfumante la aeron per odoro delikata kaj karesa. — Tiaj estis la kantoj de Iosif, dolĉaj balbutaĵoj de harmoniaj vortoj, malgrandaj konfesoj de pura koro ; oni povas imagi lin kiel trubaduron kun infana animo kiu kuradas sur la verda kampo, kaptante papiliojn aŭ kolektante bukedon de floroj por iu Margareto kun bluaj okuloj ; aŭ kiel maljunan avon, kiu varmigas sin apud la kameno, balancante sur siaj

piedoj la nepojn kaj rakontante al ili fabelojn pri koboldo kaj sorĉitaj fontoj — simplajn kaj belajn eltrovaĵojn kiuj ekbriligas la infanajn okulojn. En liaj sonetoj li aperas tiel simpla kaj bela, ke li estas la sola poeto proksimiĝanta al Cosbuc (l.: Koŝbuk.) kun klara simpleco en la versoj, kun pureco en la lingvo, kun vigla stilo — kvazaŭ liberigita de la vers-tekniko. Kiam aperis la „Patriarkaloj", estis vera konkuro en la gazetaro por laŭdi lin, kiu skribis iuloke:

Dek vivojn mi bezonas
Por kanti vin, naturo! . . .

Kelkajn tagojn antaŭ la morto, li ankoraŭ aŭskultis antaŭ la reĝa palaco la studentaron kanti lian marŝon „La arme!" (al armiloj) kaj li ĝoje batadis la takton, kantante sian propran kanton kaj instigante la junularon kiel la antikvaj poetoj. Iun vesperon li mem iris en la hospitalon per sin internigi. Eble li sentis sin malbonege, kaj ne volante ĝeni siajn amikojn, li iris morti en fremdaj manoj, pentante pri sia Korina — sia amata filino de kiu li bedaŭrinde jam de longe foriris. Dum la sama nokto lia stato malboniĝis, li havis halucinadon kaj fordonis sian vivon inter fremduloj, ne sciantaj eĉ tion, kiu li estas. Tio okazis en 1913.

G. BUGARIU (Bucureşti).

FERNAND CROMMELYNCK: LA GRANDIOZA KORNULO. Ĉi tiu dramo, sovaĝa kaj titana farso, *„Le cocu magnifique"*, majstroverko de la juna belga poeto, temas pri la ĵaluzo, pri tiu pasio, kiun oni ankoraŭ nekuraĝis prezenti sur scenejo. Vi miras kaj leganto, kaj diras: kion alian mi ja vidas vesperon post vespero en la teatro ol ĵaluzajn virojn kaj virinojn. Vi diros, ke mi forgesis pri la du famaj ĵaluzuloj de la mondliteraturo, pri la Othello de Shakespeare kaj pri Orosmane (ĉeffiguro en Zaïre de Voltaire), kiun la ĵaluzo puŝas en mortigon kaj sinmortigon.

Do, laŭ mia opinio nek la venecia maŭro, nek la musulmana princo estas veraj ĵaluzuloj. Ili ambaŭ estas nur iom naivaj, iom suprajaj observantoj, erarigitoj de eksteraj cirkonstancoj, ĉikanoj, malkomprenoj; nur trompitoj de la ĵaluzo, ne ĝiaj veraj viktimoj. Ilian tragedion oni povus nomi la „tragedio de l' eraroj", Se Othello kaj Orosmane pli precize priesploras sian suspekton, kiu eĉ ne en ili mem vekiĝis, ili simple ekridegas kaj nepre ne mortigas Desdemona'n kaj Zaïre'on. Sed apud ili staras po unu krimulo: Jago kaj Corasmin. Ĉi tiuj eksteraj fortoj movadas ilian ĵaluzon kaj ne ilia ĵaluzo la dramon. Sen ili la agado haltus.

La vera ĵaluzo estas io alia. Ĝi generas sin mem per ia malsana pragenero, ĝi kreskas per propra forto, kreskegas sen timo. Ĝi havas nenian kaŭzon, tamen ĝi ekzistas. Ne tion ĝi timas, kio *estas*, sed tion, kio *povas esti*, ĉion kaj ĉiun. Ĉi tio ja apartenas al la psikologio de la ĵaluzo. La ĵaluzo neniam havas ian kaŭzon. Se ĝi jam havas, eĉ se la plej malgrandan, ĝi ne estas plu ĵaluzo, nur saĝa singardemo, motivita pritimo, tia, per kia ni gardas nian orhorloĝon, ke oni ne ŝtelu ĝin. La viro, kiu trovas la amatan virinon en la brakoj de alia, kaj klopodas esprimi sian indignon, ne estas ĵaluzulo sed kompatinda malfeliĉulo, inda je nia tuta kompato. La virinoj de la ĵaluzuloj ĉiuj estas senku'paj. Shakespeare kaj Voltaire sciis tion. Desdemona kaj Zaïre estas anĝeloj, Tial oni bezonas apud ili la diablojn: Jago kaj Corasmin.

Sed Crommelynck ne bezonas ilin. Ĉi tie ne estas diablo. La diablo, la malbona spirito sidas en la cerbo, en la sango de lia heroo. Jen nia kompatinda amiko, la grandioza kornulo, kiu ĉagrene portas siajn reĝajn kornojn. Simpatia viro, naskita prefere por ĉio alia ol por esti trompata. Laŭ rango li estas pli ol la venecia maŭro, pli ol la musulmana princo, ĉar li estas poeto, artisto de vortoj, romantika juna amanto, kiu volas vivi nur por sia ebrio. Lia edzino, la dolĉa moderna feineto, eta martirino de l' fidelo, flugadas kun sia ventega jupo senĉese ĉirkaŭ sia edzo, ne pro sinofero, sed nur, ĉar alia viro tedus ŝin. Tiel feliĉa li estas kun tiu ĉi virino, ke li kvazaŭ sufokiĝas pro sia febro, nur pri ŝi li fantazias al konato kaj nekonato. Sed eble tro multe li parolas. Stranga homo. Sed ŝajnas al mi, kvazaŭ mi konus lin. Mi jam renkontis lin: unue en la antikva greka fabelo, kiel reĝon, kiu kondukas sian sklavon en la dormoĉambron de sia nuda edzino, por fanfaroni pri ŝi, poste, ankaŭ aliloke, multfoje: sur la strato kiel studenton, kiu portas en sia paperujo la portreton de l' amatino, kaj montradas ĝin al ĉiu; en la nokta amuzejo kiel edzon, kiu dum horoj parolas pri sia adorata virino, kiun li portas en societojn, vestigas okulfrape, ĉirkaŭigas per siaj amikoj. Kelkfoje, ŝajnas, la sekreta feliĉo en duopo ne sufiĉas. La grandioza kornulo estas giganto de ĉi tiu tipo. En sia tikla, pikpika feliĉo, kiun li ne povas elteni, li jam ne kontentiĝas per vortoj, malkovras al sia amiko la nudan genuon, la nudan bruston de sia edzino, poste, subite, neatendite li vangfrapas lin. Ĉi tiu ama vangfrapo, kiun li donas al sia estonta rivalo, ĉi tiu ruza „preventiva" sindefendo, provoko por batalo, sopiro je l' malvenko estas la ekirigo de lia tragedio.

Lia skribisto, lia dua, pli bona memo, lia sobra ombro provadas per surdamutaj gestoj atentigi lin pri la realo, sensukcese. Li timas la ĵaluzon, volas antaŭi ĝin, por perdi fine pro la sama ĵaluzo tion, kion li ne kapablas konservi por si. Lia vojo estas unuhura freneza rondkuro kun la obstino de l' fiksa ideo. Pruvojn li ĉasas, la savantan certecon ĉar nur la malcerteco estas terura. Ankaŭ Othello diras: „Pli bone: esti tute trompita ol duone scii nur". La venecia maŭro ankoraŭ trovis falsajn pruvojn. Li jam eĉ falsajn ne povas trovi. Nun, por ke li trovu, li ĵetas sian edzinon al sia amiko, poste al ĉiu kaj fine — *demonstratio ad absurdum* — maskite, kun peruko li trompas sin mem, la edzon per la edzo. Sed por li ankaŭ ĉi tio ne estas solvo. Li ne kredas al la pruvoj kaj ne kredas al la malvero de la pruvoj. Fine li estas trompita jam preskaŭ de la tuta vilaĝo, kaj lia kompatinda edzino, kies ĉefa sopiro estus esti fidela, devas trompi kaj trompi, ĉar la ĵaluzulo volas „vidi klare". La farso ĉi tie grandiĝas je inferaj dimensioj, fine lian edzinon definitive forŝiras de li paŝtisto, vera viro, kiu elportos eĉ tion, ke la virino estos fidela al li. Kaj li restas sola. Li ne mortigas sin: li jam antaŭ longe neniiĝis. Ankaŭ la amatinon li ne mortigas: li jam kotumis ŝiajn anĝelflugilojn, pli ol li eĉ la morto ne povus humiligi ŝin. Jen, la ĉerko, kun la vivanta mortinto, en karnevala bruo, plenŝutita per *konfetti*. Tragedio prezentita en farso.

Mi nur tuŝis la profundaĵojn, tra kiuj portas nin la dramo. Fernand Crommelynck iradis en tiu malluma lando, kie estas la sekreto de l' sekretoj, kaj li povis reveni de tie, en la mano kun tia verko, kiun poetoj kaj scienculoj admiras pro ĝia kuraĝa instinkteco, senkompata analizo. Oni diras, ke ĝi estas freŭdista dramo. Jes en tiu rilato, ke ĝi penetras ĝis la radiko de la vero kaj pleje estas analizebla per la delikataj Freud'aj metodoj. Sed ne estas maleble, ke la verkinto eĉ ne aŭdis pri la Viena scienculo kaj tiel pravigas liajn tezojn kiel Sophokles, kiu vivis en la unua centjaro antaŭ Kristo.

Lin nepre ne la scienco inspiris, sed la vivo. Lia lumo similas ne la fajron de l' retortoj, sed la grandan fulmon de la stepo. Lia heroo estas herede malsana, kiel ĉiu, kiu estas ĵaluza eĉ laŭ plej malgranda grado. Sed lia eksterordinara kazo simbole lumigas ankaŭ la baraktadojn de tiuj sanuloj, kiuj, tre multaj, suferas simile al li. Fandiĝas la limoj de frenezulejoj kaj loĝdomoj, de frenezo kaj sana menso, de komiko kaj tragiko.

D. K.

GIOVANNI SEGANTINI (1858—1899) estas same kamparangenio de l' pentrarto, kiel *Millet*. Senpatra kaj senpatrina orfo, porkpaŝtisto, infanazilano, li trasuferas ĉiujn socialajn mizerojn, ĝis fine li rifuĝas al la altaĵoj de *Engaddin*, kie li vivas kun sia familio kvazaŭ ermitan vivon kaj pentras entuziasme la kristale puran aeron de la Alpoj, la virgajn neĝkampojn kaj la brilantan verdon de la montara atmosfero. Ĉi tiun mirindan purecon eble neniu esprimis per pentro tiel perfekte, kiel li. Sed la maldolĉa pasinto de vivo ne estas forviŝebla el tiel sentema koro, tra tuta serio da bildoj falas en la pompon de l' naturo guto el tiu amaraĵo, el kiu la sorto, en lia junaĝo, tiel multe havigis al li. La forpaso, sufero, nemezo, aperas sur liaj verkoj kvazaŭ malhela, neevitebla fato.

La puran aeron de Engaddin, la rosan montarpaŝtejon, la pezan vivon de la Alpa kamparano Segantini prezentas al ni en tia pentromaniero, kiu estas proksime parenca al la „poentilistoj." Jam ĉe *Claude Monet* kaj *Pissarro* okupas la lokon de la detala ellaborado la t. n. kolormakuloj. La okulo vidas dum momento nur kelkajn makulojn de koloro, en la sekvanta momento jam ŝanĝiĝas la bildo, estiĝas novaj kolormakuloj. Ili volas pentri tion, kion ili vidas dum momento, ĉar pentri detalojn signifas: ne pentri tion, kion oni vidas, sed tion, kion oni scias, memoras, ellernis, do ian neekzistantan, rigidan, stoniĝintan vidaĵon.

El ĉi tiu naturalisma naturesploro evoluis la branĉo de la poentilistoj. Kelkaj pentristoj, akceptinte tiun principon, ke ni vidas ĉion tra la aero, en koloro kaj ke la nuancŝanĝon de l' fenomenoj plej perfekte oni povas prezenti per kolormakuloj, troigis ĉi tiun principon ĝis pentromaniero, en kiu oni faras la bildon nepre per apudmetado de etaj kolormakuloj. Tiamaniere oni ricevis kolormozaikojn, kiuj vere sentigis la vibradon de la aero, sed la rigida apliko de ĉi tiu principo montriĝis neevoluigebla. Ĝi havis kelkajn eminentajn reprezentantojn (Rysselberghe, Signac, Seurat), sed nova skolo ne evoluis el ĝi.

Parenca al ĉi tiuj poentilistoj estas la pentromaniero de Segantini. Li ne aplikas malgrandajn, kelkmilimetrajn makuletojn, ĉe li ili kreskas kelkfoje en longajn striojn. Kaj ĉe li ĉi tiu senmiksa, stria surmeto de la koloroj ne estas perfortita, nek „science" artifika, ĝi fandiĝas kun liaj vizioj. Vere, neniu povas prezenti la neĝmontaran aeron pli diafane, ĝiajn kolorojn pli radiriĉe.

La pura vivo de Segantini kunfandiĝis kun la vivo de montara malriĉa kampulo. Lia pentro estas travivita arto. *Ik*

NOVA ORESTEIA de Arnošt Dvorák (Praha 1423 eldonejo „Čin") pligrandigas la nombron de tiuj ĉehaj dramoj, kiuj havas antikvan temon en tute nova maniero. Ĝi estas eble la unua teatraĵo, kiu povas sentime pretendi rajton pri filineco al la belega patrino: Trilogio de *Aischylos*. Legante ĉi tion ne opiniu ke la nomita Nova Oresteia estas ia parafrazo de iu fama verko greka. La sentaj kaj metafizikaj elementoj de la antikva tragedio estas multfoje anstataŭigataj per similaj motivoj, kiuj rezultas el la pensa kaj senta bazoj de moderna dramverkisto. Intencante ellevi el la malnova mito la fortojn ĝenerale homajn kaj ĝenerale kosmajn, Dvorák tute forigis ĉiujn mitologiajn, tro tempajn kaj lokajn rilatojn kaj supozojn. La sorta fundamento de la malnova mito estas flankenmetita; malgraŭ la ĉeesto de la ĥoro la religia kaj politika bazo de la greka dramo estas forŝovita. Kompense la aŭtoro pritraktas ĉiujn rilatojn de amo, pasio kaj estimo inter la personoj de l' dramo, rilatojn kiujn la greka originalo prezentas kiel sekundarajn kaŭzojn de l'konfliktoj. Konsekvence estas finkondukitaj la metafizika rezultanto de la tragedio — per kiu la solvo de la kulpo de Orestes estas lokita trans la vivon, en senkorpiĝon, senmateriiĝon, — kaj la pli supera rekono de Orestes, kiu per sia korpa morto eniras mondon kie validas aliaj moralaj mezuroj kaj leĝoj. La teatraĵo de Dvorák, kiu laŭforme, t. e. en la vorta esprimo, estas malpli disciplinita ol la mirinda kaj riĉa versa materialo de *Aischylos*, kaj en kiu la aŭtoro ne malŝatis liberan, kelkfoje eĉ laŭvortan tradukon de eminentaj partoj de la greka tragedio, estas vera satisfakcio al la dramatika genio de la granda greko. La ĉeha verkisto ja limas la epikecon de la ĥoroj, mallongigas kaj densigas, formetas kaj translokas, detaligas kaj kunigas, sed la tragedio enhavas multajn lokojn, kie oni devas diri, ke ankaŭ la nuntempa dramatiko en tiu tempo, ne tre malproksima de la mistera naskiĝo de l' tragedio, ne estus povinta krei verkon alimaniere ol *Aischylos*, „fil' de Euphorion, Athenano, kies kuraĝon bosko Marathona povus rakonti kaj longhara Medo". *Kampa Agrostemo*

---

# BIBLIOGRAFIO

WILHELM HAUFF: LA ALMOZULINO DE LA „PONT DES ARTS." El la germana: *K. Brüggemann.* Esperanto Verlag Friedrich Ader, Dresden A. 27. Univ. Bibl. No. 4.

Agrabla kaj interesa legaĵo estas ĉi tiu historio pri la amo de junulo al maskita almozulino de la pariza nokto. La junulo noblanime helpas ŝin, enmizeriĝintan knabinon de nobela familio, ekamas ŝin, ne vidante eĉ ŝian vizaĝon, poste perdas, serĉas tra la mondo kaj fine trovas, rekonas, helpite de antikva pentraĵo, kiel edzinon de sia amiko. Ĉi tiu amiko estas vulgara, kruda viro, kiu havas nur turmentojn por ŝi, la revema kaj dolĉa estaĵo. Kaj ĉio finiĝas bone, kiel en la fabeloj. — Entute ĉi tiu romantika, interese rakontita novelo havas en si la simplan, dolĉe naivan ĉarmon de la fabeloj, donante tamen frapantan karakterizon pri la figuroj precize pri la rigora, malvastanima edzo.

HEINRICH ZSCHOKE: AVENTURO EN LA NOVJARA NOKTO. Trad. kaj eld.: la samaj. Univers. Bibl. No. 6.

Llbro de milda bonhumoro. La senbride petola, ekscesema princo kaj la sobra noktgardisto, Filipo, certe bone agas ŝanĝante sian kostumon por la novjara nokto, ĉar ne nur la terure konfuzitajn kaj minacajn aferojn de la princo aranĝas en lia masko sagace kaj lerte la saĝa Filipo, akirante fine por si bonan oficon kaj la manon de la amata Rozinjo, sed li bone amuzas ankaŭ nin, paŝadante tra la labirintoj de la kortego, tra tiom da teruraj kaj amuzaj konfliktoj, kaj trafante por la ĝojo de la leganto, sprite, per simpla saĝo, ĉiam la „kapon de la najlo" kaj per tio la elirvojon el la danĝeroj, kiujn la facilanima princo amasigis super sia kapo. Oni ne ridegas laŭte dum la legado, sed oni ridetas kore kaj bonguste, kaj ridete pripensadas post la flankenmeto de la libro.

K. BRÜGGEMANN: EL LA MITOLOGIO DE LA ANTIKVAJ POPOLOJ. Eldono: la sama. Universala Biblioteko. No. 5.

La mitojn de la antikvaj grekoj, romanoj, germanoj, persoj ktp. rakontas la aŭtoro en tre flua, facila, klara, eleganta stilo. Nur malagrable tuŝis min, ke la elparoladon de la grekaj nomoj li montras en noto — laŭ la germana prononcado. *Cojs, Zizifus, Ojridice, Tezojs, Orfojs, Zafo* — ĉu oni pensus, aŭdante ĉi tiujn nomojn, ke temas pri *Zeus, Sisyphus, Euridike, Theseus, Orpheus, Sappho?*

*

En la tri supraj libretoj K. Brüggemann montriĝas bonega stilisto. La frazoj havas ĉe li sian „ekvilibron", nature, facile, klare formiĝas sub lia plumo, estas

sentebla en ili tiu „vibrado“, kiu karakterizas lingvon kaj stilon *vivantan*. Estas plezuro legi ĉi tiun esprimriĉan, elastan, *modernan* Esperanton.

Mi tamen ne silentu pri kelkaj detaletoj, kiuj estas kontraŭ mia gusto kaj lingva sento. Ĉi tiuj eraretoj ne ĝenas, mi elserĉis ilin el la tri libroj eble — por serĉi la spliton en la okulo de aliulo.

„Mi ne scias nenion“ — verŝajne plumeraro. „Malenvii“ — verŝajne la germana „gönnen“. Ĉu oni ne povus eviti ĉi tiun vortomonstron, kiun mi trovas nur ĉe germanaj aŭtoroj? . . . „ne havas tempon por perdi ĝin“ — la „ĝin“ ŝajnas al mi superflua. „Erarkompreno“ — ĉu ne sufiĉus: malkompreno? „Konfidencie“ — konfidence. „Ludis sian rolon kiel noktgardiston“ — ŝajnas al mi konfuza frazkonstruo. Mi dirus: ludis sian rolon de noktgardisto. „Ne jam“ — estas iom tro ofte uzata. Teorie ĝi ja estas defendebla, sed min ĉiam okulfrapas kaj haltigas en la legado. „Postvidi“ — ĉu ne postrigardi? „Kiun intereson ili trovis“ — kian intereson . . . „Iam kaj tiam“ — iam kaj iam, aŭ tiam kaj tiam. „Enamiĝinta en iun — enamiĝinta al iu. Ĉar *en* rilatas la *amon*. Oni „eniĝas en amon al iu“ kaj ne „eniĝas en amon en iun“. „Rigardi sur la bildon“ — al la bildo. „Spite de . . .“ — spite al . . . (Ĉu oni ne povus uzi spit' al, kiel oni uzas dank' al?) „Ankoraŭfoje“ — refoje, denove, ankoraŭ unufoje. „Ondiĝantaj“ — ondantaj. „Pluen“ — plue, aŭ simple plu. „Hodiaŭ tie, morgaŭ alie“ — . . . aliloke. „Zorgu, ke nenio mankos“ . . . manku. „Ne eble mi povas kredi“ — ? „Io ajn perdiĝis — io perdiĝis. „Returnen“ — returne.

Sed ĉi tiuj makuletoj — plejparte malgravaj — tute malpliigas la meriton de la tradukinto. Prefere bona, viva stilo kun kelkaj eraretoj ol senerara „matematika“ stilo kun la sekeco kaj senviveco de la maŝina, senanima vortotrikado. *(Kopar*

LA STRUVELPETRO. Beletaj rakontoj kaj komikaj bildoj de dro *Heinrich Hoffmann*. Esperanta traduko de *J. D. Applebaum*. Literatura Instituto Rütten & Roening. Frankfurt A. M.

Por diri la veron, mi konfesas, ke mi ne sentis min kompetenta por skribi recenzon pri ĉi tiu libreto. Bedaŭrinde jam delonge mi ne estas fakano kaj mi tute mallernis la feliĉan metion de infanaj ludoj kaj ĝojoj. Sekve mi konsultis kelkajn infanojn, prezentante al ili la libron por ŝteli ilian opinion. Sed ve, mia ruzo ne sukcesis. Ili estis eminentaj reprezentantoj de sia propra metio, sed tute mallertaj en la mia, ĉar ilian bonhumoron, ĝojan okulbrilon kaj laŭtajn ekridojn estus malfacile uzi kiel seriozan recenzon.

Do mi devas fari la recenzon mem.

La libreto propre ne estis dediĉata al la granda publiko. La Muzo de la aŭtoro estis lia propra infano: certe dum afablaj vesperoj, sidiginte la infanon sur siajn genuojn, li verkis kaj pentris ĉi tiujn kuriozajn historiojn por amuzi lin. Kaj ne nur por amuzi. Ankaŭ por instrui lin pri la belaj reguloj de la etiko kaj etiketo. La senkomba, long-unga, long-hara Petro, la kruela besto-turmentanto Frederiko, Manjo, kiu ludas kun la fajro, la tri mokemaj buboj, Joĉjo, la en-aeron-rigardanto, Riĉjo, kiu ne volas manĝi sian supon — ĉiuj avertas per sia pli-malpli malĝoja sorto. Kaj antaŭ la infano fariĝas ridindaj la malbonaĵoj kaj petolaĵoj, kiujn li volonte rigardas kiel heroajn agojn. En ĉi tiu eduka tendenco de la libro oni bone vidas la manon de la patro.

Sed ĉi tiujn instruojn la infano akceptas kvazaŭ senkonscie, ridante. La tekstoj estas koncizaj, tintas per tiklantaj rimoj, estas naivaj, sed ne kun la truda, perforta, artifika naiveco de la ĉarlatanaj infanlibroj. La bona infanpoemo ne pepaĉas stulte, ne donas la impreson, kvazaŭ la aŭtoro estus malbone sukcesinta infano; ĉe tiaj poemoj mi kvazaŭ atendas ĉiam, ke la infano ekprotestos: kiel li kuraĝas verki poemon por ni, se li eĉ tiom da menso ne havas kiel mi? La aŭtoro de La Struvelpetro ne volas esti pli infana ol la infano, li parolas al la infanoj kiel plenkreskulo kaj ĝuste tial aŭskultas lin la infanoj volonte.

Sed la plenan efekton donas al la versoj la bildoj. Ili nepre devas plaĉi al la infanoj, kiuj rekonas en ilia skema desegno kaj simetrieco sian propran manieron de desegno, sed en kiuj per la prezento de la movoj, esprimpleno de la pozoj ili eksentas ankaŭ ion super sia povo, la arton. Rigardu ekzemple la lastan bildon pri la dikfingro-suĉanto aŭ la bildon pri la en-aeron-rigardanto kaj ĉu vi ne ridos, eĉ se vi estas „grandulo“?

La traduko de la libro estas vere lerta. Facile, klare kaj flue ruliĝas la versoj, la simpleco estas ankaŭ plejparte bone konservita. Kelkaj rimoj estas eble iom problemaj: ambaŭ — tombo, sed ĉi tio estas escepto.

Ni esperu, ke la laboron de la tradukinto dankos multa sincera rido de la lipoj de Esperante parolantaj infanoj. *(Kopar*

BENNEMANN: ESPERANTO HAND-WÖRTERBUCH. I. Teil: Esperanto-Deutsch. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, 1023.

De bonaj vortaroj havas la germanoj kvazaŭ embarason de riĉeco. Jen estas unu el ili, kun plaĉa eksteraĵo, daŭra bindaĵo kaj abunda enhavo. Germanlingva enkonduko fiksas tre aprobindajn principojn por vortaristoj. La ordo de la materialo estas tre lerta, bonsistema, la klarigoj de la vortoj precizaj kaj. klaraj, frazeologio sufiĉe riĉa kaj tre utila. Nove proponitaj vortoj estas signitaj per aparta signo. Tiaj vortoj estas donitaj sufiĉe ŝpare, speciale juraj vortoj estas pli grandnombraj. Ili ŝajnas plejparte necesaj kaj bone formitaj; pri „durfi“ kaj „holi“ mi dubas, ke ili enradikiĝos. Kaj mi ripetas kion mi diris en ia supra recenzo, logike oni diras: enamiĝi *al iu* kaj ne *en iun*. *Kopar*

## KOREKTO

En mia 11-a numero, pĝ. 150., „El la itala poezio: Sabato de l' Vilaĝo“ ensoviĝis du preseraroj. Ĉar la tradukinto siavice deziras fari ankoraŭ kelkajn ŝanĝojn, resp. variantojn al ĉi tiu poemo, laŭ lia peto ni presigas kelkajn liniojn de la poemo, sube kun la ŝanĝoj:

Kiam ŝi sin ornamis por festtago
Kaj ŝi, ankoraŭ sana, facilmova,
    Kiam ŝi sin por festa tag' ornamis
    Kaj sana, facilmova,

Ĉielo lazuriĝas, ombroj falas
    Ĉielo rebluiĝas, . . .

Post kiam ĉiu lum' alia estingiĝis,
    Post kiam ĉiu lumo estingiĝis,

En sia bud' fermita, ĉe lampeto,
    En la butik' fermita, . . .

Tag' plena de esper' kaj ĝojo.
    Tag' de la ĝojo, tago de l' espero.

Jam morgaŭ tedon kaj malĝojon
    Malĝojon morgaŭ, tedon

Ho vi, knabet' serĉema,
    Ho vi, knabet' ŝercema,

Malfruos veni, vin ne tuŝu tio.
    Malfruos veni, tion ne bedaŭru.

---

La artan titolpaĝon ni dankas al sinjoro pentrartisto *Viktoro Olgyay*.

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró